# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto:** H. Hodler.
**Redaktoro:** D-ro Edm. Privat.
**Direktoro de UEA:** Hans Jakob.

**Adreso: I, Tour de l'Ile, I**
**GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO:**



**XXIX-a Jaro N° 398**
**OKTOBRO 1933**

# Ne difektu lingvojn

La biblioteko de UEA kolektas katalogojn aŭ prospektojn presitaj kun malkorektaj tradukoj en fremdaj lingvoj. Jam ni povus utiligi tion por amuzi la legantojn de nia Jarlibro sur kelkaj paĝoj kaj samtempe havigi al niaj propagandistoj bonegan argumentilon.

En nia tempo, kiam fremdaj lingvoj estas ĉie studataj kaj eĉ ofte formanĝas tro grandan parton de la programoj en lernejoj, estas rimarkinda la nombro da tre aĉaj tradukoj aŭ tekstoj, eldonataj sur la kampo turisma aŭ komerca.

Vi ridus se vi povus legi antologion de tiuj pseŭdo-francaj, pseŭdo-germanaj aŭ pseŭdo-anglaj tekstoj. Pri lingvoj malpli disvastigataj estas memkompreneble ankoraŭ pli malbone kaj pli ridinde, ĉar la studo de tiuj lingvoj mankas eĉ multe pli.

Ni tre dubas ĉu la deziro al « prestiĝo » kaj al internacia famo de tia nacilingvo povas akceptigi volonte al Anglo, Franco aŭ Germano la malplezuron vidi ĝin tiel difektata. Ni ankaŭ dubas ĉu tiaj reklamiloj servas sian celon, ĉar plej ofte la atinginda leganto forĵetas la paperon post lego de kelkaj linioj. Ne ĉiuj posedas sufiĉe bonvolan humoron por pli ĝui la komikan impreson ol suferi la malagrablan naŭzon pro lingva difekto.

Se estas eble kapti ĝuste la naŭzatajn personojn en tiu momento, la simpla ideo pri helpa lingvo internacia tuj plaĉus al multaj el ili kaj prospekto presita en Esperanto montrus al ili la praktikan ekzemplon de la solvo por eviti la malagrablaĵon.

Kiam ekzistas ebleco partopreni en ia ekspozicio per stando aŭ eĉ anguleto ni devus pendigi je muro sur unu flanko kelkajn trafe elektitajn specimenojn de lingvodifektaj presaĵoj kaj sur apuda flanko turismajn aŭ komercajn reklamilojn en Esperanto. Ne malbone estus aldoni surskribaĵon kiel titolon de la fako: « Ni protektu nian nacilingvon », kaj eble frapantan devizon: « Nacilingvo por enlanda uzo, Esperanto por internacio uzo ».

Foje artistoj fiere flankenmetas Esperanton kiel aferon eble utilan, sed neniel bongustan. Estus utile montri al ili, kial kaj kiel ĝi kontraŭe povas eminente servi al bongusto kaj belarto, eĉ komencante per evito de lingvaj difektoj.

Edmond PRIVAT.

# Esperantismo

## La signifo de la Esperanto-movado

de Fritz Stockinger,

Ministro por Komerco kaj Trafiko, Wien.

Kiam antaŭ preskaŭ 50 jaroj la pola okulkuracisto Zamenhof atribuis al si la pseŭdonimon « D-ro Esperanto », li eble estis esperanta, sed neniam antaŭsentanta, kiun gravecon havos lia kreitaĵo post duona jarcento, ke ĝi ampleksos milojn da grupoj kaj centmilojn da homoj sur la tuta terglobo.

Se ankaŭ Radio, tiu plej genia elpensaĵo de nia jarcento, kiel ligilo de la interkompreniĝo ĉirkaŭpremas la mondon, se ankaŭ la aviado estas montrinta en la lastaj tagoj al la homaro, ke la rimedoj de moderna tekniko kapablas ĉirkaŭi la terglobon — oni povas preskaŭ diri — en horoj, tiel, ke la ideo pri « distancoj » preskaŭ ŝajnas manki al ni modernaj homoj, *unu* aferon malhavas la popoloj de la tero ankoraŭ, nome, unuecan ĉiujn homojn kompreneblan lingvon.



Se estas permesate al mi, diri vorton pri la signifo de Esperanto, mi deziras akcenti, ke la mikso de la germanromana elementoj, de ĉi tiuj du ĉefgrupoj de la mondlingvoj, konsiderante la slavan idiomon prezentas la formon de unueca lingvo, kiu zorge traktas la plej delikatajn naciajn sentojn kaj kiu formas helpilon de interkompreniĝo en ĉiuj praktikaj aĵoj de la vivo, tre malproksime de ĉiu nacia politiko.

Estis sendube « aŭstria » faro, ke la gvidanto de nia Esperanto-movado kapablis, fondi la Internacian Esperanto-Muzeon en Wien kaj per tio fari nian belan hejmurbon « Mekko » de la adeptoj de ĝia movado. La granda graveco, kiun meritas ĉi tiu kreitaĵo en la intereso de la aŭstria fremdulfrekvento, estos ankoraŭ rimarkinde pligrandigata per la okazigo de « *Internacia Konferenco por enkonduko de Esperanto en komerco kaj trafiko kaj en la lernejoj* ». Nia urbo — kiel jam tiel ofte — fariĝos denove internacia kongres-urbo.

Por la du mondfamaj Danubo-urboj Wien kaj Budapest, kiuj estas interligitaj per sentoj de amikeco kaj per la komuna tradicio de pasintaj jarcentoj, estos granda honoro kaj ekonomia gajno saluti la esperantistojn de la tuta mondo en siaj muroj. Neniu movado estas destinata kiel ĉi tiu, porti la famon de nia antikva, respektinda metropolo en la tutan mondon.

Jam pro tiu kaŭzo mi volonte ekkaptas la okazon, saluti per ĉi tiuj linioj plej kore vian movadon kaj deziri al via estonta Konferenco la plej belan sukceson, ĉar mi denove devas karakterizi vian tutan internacian agadon « patrolanda » ago. Elirinte mem el la komerca profesio mi bone scias taksi la gravecon de viaj celadoj kaj iliaj efikoj je la tutmonda komercpolitiko, ĉar mi estas konscia pri tio, ke komuna mondlingvo ankaŭ kaŭzos internacian interkonsenton en la ekonomiaj rilatoj de la mondo.

Tial mi dankas al viaj gvidantoj por ilia agado en la intereso de nia patrolando kaj de nia bela Wien kaj deziras al via movado el plena koro floradon kaj prosperon. Espereble baldaŭ via lingvo ankaŭ ĉirkaŭpremos la tutan terglobon, celo, kiun vi certe atingos, se vi nur ĉiam memoros la postajn vortojn de via majstro :

« Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Vi iru la vojon celitan ».

## Esperantistaj Problemoj

### La Neŭtraleco

Revenas de tempo al tempo la demando pri la sinteno de nia movado al tagaj diskutaĵoj, partiaj, politikaj kaj mondperceptaj. Tiu ĉi demando ne estas io nova. Ĝi prezentiĝis jam en la unua tempo kiel pruvas la fama *Deklaracio de Bulonjo* dum la unua kongreso 1905. Ĝi precizigis la sintenon de nia movado. La penado por enkonduki internacian lingvon, reprezentita per la Esperanto-Movado estas neŭtrala. Ĝi ne postulas de la adepto akcepti ian kredon aŭ doktrinon. Ĝi estas antaŭ ĉio *lingva*, duavice *praktika* movado.

Ni ekzamenu la aspekton de la problemo laŭ nunaj okazintaĵoj, kiuj vole nevole pensigas je la rolo de nia movado.

**Kion signifas neŭtrala ?**

La vorto neŭtrala apartenas al tiuj kliŝvortoj sub kiuj ĉiu prezentas al si ion alian. En la uzado la difino de la *Plena vortaro*, paĝo 328 sufiĉas. Ĝi diras :

Neŭtrala : ne partoprenanta en diskuto, disputo, batalo, milito.

La saman ideon esprimas ankaŭ la vortoj « senpartia, superpartia ». Por la ordinara lingvo-uzado la nuna difino sufiĉas. La diplomata kaj politika vortaroj posedas aron da difinaj klarigoj, laŭ la bezono.

Konklude : Neŭtrala estas tiu, kiu ne partoprenas en ago direktita al alia.

### La neŭtrala lingvo

La deklaracio de Bulonjo karakterizas Esperanton, « lingvo neŭtrale homa ». Tio rilatas ĉefe al la konsisto de la lingvo kaj je ĝia sinteno al naciaj lingvoj. Krude dirita : Ĝi ne estas konkurenco, nek nacie nek internacie. Esperanto ne estas kaj ne celas esti mondlingvo en la senco de la utopiistoj (Unu homaro, unu regno, unu lingvo). Sed ĝi volas esti, kion ĉiuj varbiloj insistas : Ponto inter diverslingvaj homoj, peranto lingva, nenio alia.

En la sama deklaracio la *uzado* de Esperanto kiel interhelpa lingvo estas pli larĝe kaj pli radikale skizita : ... *kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo...k.t.p*

La neŭtraleco de nia lingvo esprimiĝas per tio, ke per ĝia lernado kaj uzado neniu lingva imperialismo profitas. Ĝi tuŝas nek nacian nek iun alian sentimenton, pro la limoj kiujn ĝi mem difinis kaj pro la simpla fakto, ke ĝi ne havas teritorion aŭ nacion, sekve ankaŭ ne ties aspirojn.

### La neŭtrala movado

La movado tiel kiel ĝi prezentiĝas al eksterulo, nekonante la evoluon kaj historion, ŝajnas esti *unu*. Tio devenas el la maniero laŭ kiu oni propagandas. Nia propagando nature direktiĝas al ĉiuj homoj, sen diferenco, same kiel oni reklamas la lernadon de fremda lingvo. En la frutempo de la movado, antaŭ tridek jaroj la argumentoj de la propagandistoj estis ĉefe pri la tutmonda paco, de la interfratiĝo popola kaj pli bona kompreno. Morala ilaro nepre laŭdinda, sed kiu forgesigis la teron alie dirita : La praktikan uzadon en tagaj bezonoj. Tiurilate la fondintoj de UEA, idealistoj ankaŭ, komprenis ke ne sufiĉas la predikado pri tio kio *estos* ebla kaj verŝajna. Necesas ĝeneraligi Esperanton, per utilaj servoj.

Fakte la movado dispartiĝas en pluraj branĉoj. Estas unue kaj ĉefe le *nepolitika* ĝenerala klopodado, reprezentita en la naciaj societoj kaj en UEA. Ambaŭ deklaras sin neŭtralaj rilate al politikaj kaj sociaj problemoj. Jam en la antaŭmilita epoko apartiĝis la laboristoj kiuj metis la lingvon je la utilo de la klasbatalo. Tiu ĉi apartiĝo tiom bedaŭrinda ĝi aperas el taktika vidpunkto, estis kaj estas natura solvo de problemo ekster la celoj kiujn proklamas la propagandaj societoj. Restas ankoraŭ la fakaj kaj specialistaj societoj, kiuj entute povas esti konsiderataj kiel profesiaj, escepte la dudeko da religiaj grupiĝoj, pli malpli gravaj. Rilate je la taga politiko ili ĉiuj estas klasigeblaj sub la neŭtrala movado, escepte se statutoj fiksas netan opozicion al la senkoloreco de ekzistanta nacia societo.

### Nacia organizo-naciisma reĝimo

La organizaĵo landa (nacia) propagandas, klopodas enkonduki la instruadon, reprezentas la movadon, dank'al ĝia ĝenerala celado. Kiu deziras sukceson de ideo ĝenerala utila por ĉiuj, devas havi tian platformon, ke ĉiuj politikaj reĝimoj povos toleri la agadon. Tio estas fakto ĉe niaj landaj organizaĵoj, kies statutoj en tiu punkto similas unu al alia.

La ne-partopreno en politikaj agadoj estas do kvazaŭ sankta regulo por ĉiuj tiuj societoj. Sed al siaj anoj ĝi lasas opinion liberan. Tiu ĉi severa neŭtraleco eĉ esprimiĝas per tio, ke kiam en kelkaj landoj oni provis parlamentan agadon, oni ĉiam klopodis, ke tiu ĉi provo estu direktita al ĉiuj partioj.

Konkludo : Nacia Societo devas sin submeti al la kondiĉoj politikaj de sia lando. En lando kun plena libereco de opinio la situacio estas simpla. En landoj kun naciisma-aŭtoritateca reĝimo, la nacia societo esperantista ne povas alie, ol aranĝi sin laŭ la donitaj kondiĉoj. La Esperanto-Movado ne plu estas sensignifa, oni atentas pri ĝi kaj oni eĉ povas malpermesi ĝin, kiel tio okazis jam en iuj landoj.

### La sinteno de UEA

La sinteno de UEA estas tre klare esprimita en la dua artikolo de la Statuto : *UEA estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko. En ĝi viroj kaj virinoj estas egalrajtaj kaj elekteblaj al ĉiuj oficioj.*

Tio signifas do, ke UEA ne disvastigas kaj ne intencas disvastigi iun kredon, ĉu religian ĉu politikan. Ĝi ankaŭ ne malakceptas aliĝon de personoj pro aparteno al certa raso, religio aŭ pro politika percepto.

Malsame al Nacia Societo, kiu en certaj landoj devas kliniĝi pro postuloj ligataj al speciala regadsistemo, UEA supernacia ne bezonas kaj eĉ ne povas tion. Ĝia agadkampo estas ne teritorie limigita, ĝi ne havas sekciojn naciajn kun propra vivo. El tio rezultas do, ke ankaŭ UEA ne povus esprimi sin pri politikaj okazaĵoj, eĉ se plimulto de anoj aklame salutus tion. Tre malfacile komprenebla por multaj personoj. Estas racia sinteno, kaj ne nura oportunismo. Okaze de konata politika ŝanĝo en grava lando ni ricevis aron da protestoj kun peto enpresi en *Esperanto*. Tute ne dubante pri la sinceraj sentoj de niaj korespondantoj, ni tamen devis malatenti tiun peton, ĉar kontraŭ la ĉefa principo de nia Asocio. Kiel movado, Esperanto batalas jam pro sia rekono kaj estante por la paco ĝi ne povas kvazaŭ deklari militon per flama protesto. La unuopa ano de UEA ĉiam estas libera pensi kion li volas.

### Konkludo

Dum tempo trankvila, ekvilibrita kaj bonstata, movado kiel la nia, neniel renkontis malfacilaĵojn. Hodiaŭ kiam la mondo staras sur la kapo kiam disfalas gigantaj kreaĵoj, kiam tradicioj forgesiĝas, kiam suspekto grandiĝas kaj kun ĝi la maltoleremo ĉiaspeca, ne estas miraklo, ke ankaŭ nia movado suferas pro la efikoj de tiu ĉi spirita krizo.

Delikata tasko por la gvidantoj de la movado, trovi la mezan vojon, kiu unuflanke kontentigas plimulton de la esperantistoj, kaj kiu aliflanke ne kolizias kun tagaj diskutaĵoj, ofte pasiaj.

La konkludo de ĉio dirita estas pli precize konsilo al ĉiuj : *Ne identigu* la movadon aŭ la lingvon kun aliaj celadoj tiom laŭdindaj ili estas. *Ne protestu* pro politikaj okazintaĵoj, kiujn ni ne povas malhelpi, en nomo de esperantista organizaĵo. *Konsciiĝu* pri la sekvoj de izola agado kaj pri la vera stato de nia klopodado, ne tiom impona ke nia kondamno povus impresi la mondon. Ni estu homoj realaj por la bono de nia celado, ĝenerala kaj tuthomara.

H. J.

---

# Literaturo

## Honoroj, povo, mono kaj amuzo.

Homaj agmotivoj, jen temo plej interesa. Jam de longe mi volis viziti la hindan filozofon, kiu verkis la majstran studon pri la « Scienco de l'emocioj » S-ron Bhagavan Das. Kiam mi lin serĉis en Benares, li estis for en Ĉunar, kien li rifuĝas el urba malsilento.

Ĉunar troviĝas je kvardek kilometroj sur la vojo al Mirzapur. Necesas repasi antaŭ la templo al Durga, kie ŝvarmas la simioj inter la kolonoj kaj sur la stuparoj de la kvadrata banejo. Necesas trapasi la Gangon sur tremanta ŝiparpontaĉo preskaŭ sub la luksa fervoja pontego, kiu ĝin fiere mokas.

Sur la dekstra bordo oni veturas reen longe de la rivero kaj renkontas aŭtomobilojn, kamelojn kaj bubalojn, tirantajn ĉarojn kun radoj lunaj. Tiam oni jam forlasis britan Hindujon kaj enpenetris la teritorion de la Mahareĝo de Ramnagar.

Matene kaj vespere ni jam admiris la kastelon revan trans la Gango perlkolora. Nun ni vidas ĝin de malantaŭe kun la longaj staloj kaj la solena pordego. La tutan straton de dometoj loĝas liaj servistoj kaj iliaj familioj. Alta muro gardas la elefantejon.

Baldaŭ malaperas la strato. Ni deziris viziti vilaĝojn. Jen sablo flava kaj ebenaĵo dezerta, kien forkuras ŝafoj en ara saltado. Supren. Malsupren. Dancas la veturilo de ĝiboj al fosaĵoj. Mordiĝas lango se ĝi provas ekparoli. Pli prudente silentu sur la « rusaj montoj ». Se la maŝino pli rapidas ol kamelo, tiam la kapo ĉiusalte frapas la feraĵojn de l'kovrilo. Faldu ĝin. Neeble sub la bakanta suno. Nazo kaj gorĝo spiras polvon akran kvazaŭ vitrerojn.

Laŭ tiu vojo neniam ni atingos Ĉunar.

Ni tamen alvenas. Urbeto malnova kun mongola fortikaĵo sur izola monteto apud la Gango. Trans arbareto de pirujoj, en kaŝejo de verdaĵo, jen dometo ŝtona, kampara teretaĝo, du ĉambroj kaj teraso, la rifuĝejo de saĝulo.

Eniras nia gvidanto por informiĝi, dum ni forbatas la sablon el niaj polvoplenaj vestoj.

Bela maljunulo baldaŭ aperas inter du kolonoj. Granda frunto majesta, griza barbo zorge tondita, rigardo atentema el okuloj profundaj, mildiĝantaj en saluto.

Post mallonga momento ni kunsidas jam en ombro freŝa kaj diskutas en trankvilo. Unu punkto ĉiam tiklis min kaj mi kuraĝas demandi : « *La Bhagavad Gita* », tiel bela kanto de l'antikvaj Hindoj, komenciĝas per konsilo ne pacema. La milito ja naŭzis Arjunon. Li tion esprimas kaj Kriŝna mem lin riproĉas kaj instigas lin fari sian devon de Kŝatrija (registo, militisto) ĉar l'animo tutmonda, loĝanta ĉiujn korpojn, povas nek morti, nek mortigi : « Nek sagoj ĝin boras, nek flamoj ĝin brulas, nek vento sekigas, nek akvo malsekigas... Nevidebla, nekomprenebla, neŝanĝebla, ĝi restas eterne. Ĉar vi scias tion, kial vi ĝin ploras ?

Vortoj eĉ belegaj, sed se la militon ili pravigas, tio ja plene kontraŭdiras ĉion ceteran en kanto mirinda, kies ĉiu verso laŭdas psalme la homon sen malamo, kompateman kaj pacemam. Mi ja scias ke iuj klarigoj ekzistas. Laŭ ili la batalo prikantita estas nura bildo. Ĝi signifas la bonan lukton, la batalon kontraŭ la malbono. Ĉu tio ne estas iom konstruita harsplitaĵo ? »

— Jes, respondas la filozofo. Ne serĉu tiel malproksime. Niaj antikvaj prapatroj lasis al la kvar familianoj, aŭ *kastoj*, ilian historian funkcion. Ĉiu havis sian. La *ŝudra* laboradis per manoj, la *vajŝja* komercadis, la *kŝatrija* protektadis la popolon kaj la *bramanoj* ĝin edukadis. Nur tiaj lastaj estis atingintaj la moralan evoluon, kiu malebligas porti armilojn.

*Arjun* estis *kŝatrija*. Estas jam bele ke tiutempa militisto faris al si tian demandon.

— Do la hodiaŭaj apostoloj de ne-perforto volus apliki al ĉiuj homoj la moralon tiam taŭgan nur por la bramanoj ?

— Jes, ili konsentas al la homaro la rajton kaj devon progresi, sed tio ne forigas la necesan dividon de la taskoj por la komuna feliĉo. La kastoj ja degeneris al heredaj privilegioj, dum ilia kialo fundamenta estis nur la profesio, la rolo socia.

— Tamen, ĉu ne ekzistis metioj malhonorataj ? Buĉistoj aŭ monpruntistoj estis pli malpli netuŝeblaj, ĉu ne ?

— Afero de pureco, kiu poste lasis heredan makulon al tutaj familiaroj.

— Ke Brahmano konsideru kiel netuŝeblan, ne homojn, sed la okupadon dediĉitan al mortigado aŭ sinriĉigado, tio estus ja kutimo disvastiginda. Sed kiel diskomisiadi la utilajn rolojn ?

— Tio estas ja temo, kiu min longe pripensigis, ĉar la konfuzo ruinigas okcidentajn ŝtatojn kaj ni devas ĝin eviti ĉi-tie. Oni lasas la plej ambiciajn ulojn kunigi en siaj manoj samtempe la povon, la honorojn kaj la monon. Nu tiuj premioj al homa agado nepre devas esti zorge apartigataj. Antikva Hindujo metis la honorojn super la povon. Ili sufiĉu al studistoj kaj leĝfarantoj. Nur poste venas povo. Ĝi estas la plezuro de l'agemaj viroj. La mongajno venas nur trialoke kaj amuzo nur kvara range. Honoroj, potenco, mono kaj distraĵoj estas la kvar premioj al administrado, komerco kaj laboro. Oni ne kunigu ilin.

— Sed kiel eviti tion ?

— Vi trovos la respondon en la leĝoj de Manu ĉe la fino de la dek-dua ĉapitro. Necesas elekti en la konsilantarojn nur homojn sen monaj interesoj aŭ politikaj ambicioj. Kandidatoj estu ne tiuj, kiuj proponas sin mem, sed kiujn oni serĉas. Ili devas esti jam ĉesigintaj ĉian mongajnadon, esti puraj je ĉiu ligo kun privataj aferoj kaj reprezenti ne la pli malbonan flankon, sed la pli bonan el si mem, el la vilaĝo, el la provinco aŭ el la lando.

— Juste, sed ja malfacile enskribi tion en konstitucioj.

— Oni ĉiuokaze povus fiksi tiajn postulojn por kandidatoj. Oni ja faras ĝin por aliaj postenoj. Oni povus ankaŭ edukadi la publikon antaŭ ĉiu baloto.

— Ĉu per afiŝoj ? Ekzemple : « Elektontoj, faru al vi la jenajn demandojn pri ĉiu kandidato : Ĉu li estas pensiita, senambicia, libera je ĉiu ligo kun privataj kompanioj, k.t.p. »

— Kial ne ? diras la filozofo kun rideto. Ĉion vi provu por ke la leĝfarantoj estu ŝirmataj kontraŭ la ĉasado al postenoj aŭ al profito. Organizi kooperativon estas ja prave, sed necesas ankaŭ trovi teknikon por elekti la plej bonajn homojn. Ne devas ordoni la privata kapitalo, sed ankaŭ ne la egoismo, kiu produktas ĝin. Etiko, psikologio estas sciencoj tiom utiligindaj kiom ekonomio.

— Nu kiel vi vidas la dispartigon de la taskoj ?

— La vivo de l'homo dividiĝu en kvar ŝtupojn : unue la studado je kosto de la gepatroj aŭ de la socio, poste la vivgajno por krei familion, pliposte la sperto senpage dediĉata al servo de la komuneco, inter 45 kaj 60-jareco, fine la maljuneco de l'bonvola ermito, donanta al la socio la ekzemplon kaj la benon. Jen la antikva tradicio de Hindujo, kiu restarigu la moralan faktoron en la homan organizon.

— Kia estas la celo finfine ?

— La feliĉo kaj paco aŭ, se vi preferas, la vero tute simple.

— Kio signifas la vero ?

— Ĝi entenas tiujn tri elementojn laŭ la hinda senco : La konon, frukton de la penso, la belon, frukton de l'emocio, la bonecon, frukton de l'ago. Sur la bazo estu realigata la profunda unueco liberigota de ĉiu mallarĝeco.

Ĝis vespero kaj eĉ tutan nokton ni estus aŭskultintaj pri tiu malnova sperto de Hindujo, klarigata de saĝulo, kiu atente observas nian Okcidenton. Sed ni jam tro restis. Ni adiaŭu.

La filozofo ne konsentas.

— Restu. Vi partoprenos mian simplan manĝon, li petas amike. Via gvidanto min helpos kaj ni faros laŭeble plej bone...

Ĉar ni protestas, vere ĝenataj, li aldonas mildavoĉe :

— Lasu al ni la plezuron de l'gastamo. Mi ja vidas laŭ viaj sandaloj, ke vi estas iom niaj. Kaj via marvojaĝo sur la ferdeko garantias vian indulgon.

Montrinte timeme sian kamparan instalon kaj sian ermitan loĝejon, la bela maljunulo malaperas kun nia gvidanto, la bibliotekisto el Benares. Kiam ili revenas, ni kvarope kuŝigas sur la tablon tiujn egajn foliojn de bananujo kiuj evitas ĉian lavadon de pladoj : Ĉarmaj kaj naturaj teleroj, kie la rizo kaptas bonodoron kaj la tranĉaĵoj de ruĝa tomato belete ornamas la brilan verdon. Paciga feliĉo plenigas la koron kaj kreskas ĝis foriro.

Neforgesebla renkonto.

Edmond Privat.



# La Movado

Julio Baghy

*Dum ekstere regas la vespera lumo, jen, interne egas la espera « umo »; dum samideanojn premas ronda devo, al amideano remas blonda Evo...*

sed ne pri tio temas. Temas pri la movado. Por objektive juĝi estas necese fari viziton ĉe iu oficiala kunsido. Egale en kiu lando aŭ ĉe kiu societo, ĉar ĝi aspektas egala en la tuta mondo. La movado estas kiel la akvo mara : *tre amara* kaj *ondas... ondas.* En ĉiu ero ĝi estas neĝueble salgusta.

Mi staras antaŭ la pordo de BES. (Bagonia Esperantista Societo.) Antaŭ ol paŝi en la lokan sanktejon de la tutmonda kulturmovado mi subaŭskultas la misteran — silenton. Kiel ?! Jam estas la fiksita horo de la komitatkunsido. Ĉu mi estus la unua ? Eraro. La pordisto informas pri ĉeesto de juna gesamideana paro, alveninta antaŭ duonhoro. Verŝajne ili praktikas interne la « internan ideon ». Do ne malutilus ŝajnigi gorĝkataron. Bonvole mi tusetadas ĉe la sojlo.

Kaŝtanhara junulo kaj blonda ĉarmulino modestadas en la ĉambro. Li sidas ĉe la tablo kaj tenas en la mano gazeton — renversita ; ĉi staras fore de li kaj atente ĝuas la artajn konturojn de Verda Stelo, pendigita sur la muron. Ili silentas. Nur la frizuroj, ardantaj vangoj kaj unu kravato elokventas. Li salte leviĝas kaj tro laŭte salutas min. Ŝi nur perkape esprimas sian — *bondeziron.* Mia koro ridetas. Ho, Dio, estas ja Majo. Sed mia buŝo ne perfidas ; ĝi pritraktas la problemon de la « *kvanto kaj kvalito* » por liberigi ilin de embaraso kaj por pliproksimigi ilin unu al alia. Tiel disigite ili aspektas gemalamikoj. Kaj mi sentas mian kulpon. Kompreneble mi sukcesas, ĉar tiun sukceson ili pleje deziras. Intertempe sugeste rigardante al la junulo mi aranĝe tuŝas du — trifoje mian kravaton. Fine li komprenas kaj forigas la postsignon de la « kunsido » rearanĝante diskrete sian kravaton. Vira solidareco petolas danke el lia rigardo al mi...

... kaj ni triope sidas sur la kanapo... kaj ni atendas... atendas. Fine kvaronhoron post la fiksita tempo alvenas tri gravmienaj sinjoroj : du komitatanoj kaj la kasisto. Babilado en « nia kara lingvo », sed nur modere kaj laŭeble kun multaj gramatikaj eraroj, poste... poste atendo, atendo. Nu, alvenis ankaŭ la sinjoro sekretario kun fremdlanda gasto. Pro la malfruo li estus preta senkulpigi sin, sed vidante la mankon de la prezidanto li amindume komplimentadas al la ĉarmulino. Pasas minutoj, sed fine venas l i : la prezidanto. La « Bonan vesperon » ĥore-kore sonas. La sinjoro embarasite ridetas kaj respondas — *nacilingve.* Nemirinde ! La movado ne estas esperanta gramatiko, kiu ne toleras esceptojn. En la movado tia prezidanto, kiu ankaŭ parolas nian lingvon, apartenas ĝuste al la esceptoj. Tio estas jam preskaŭ tradicia kaj ni estas tradicirespektanta popoleto. Kaj kial ne ? Mi konis ja tian reĝon, kiu ne parolis la lingvon de siaj regatoj, tamen li asertis plenan komprenon. Ĝuste tiaj estas la ne esceptaj prezidantoj en nia movado. La esceptaj, kiuj parolas Esperanton, ĉiam plendas, ke ili « ne povas kompreni la esperantistojn, nek tiuj ilin ». Cetere *nia* lingvo bezonas ne parolantojn, sed nur famnomajn protektantojn, kiujn ni povas respekti, estimi, honori kaj kiuj bone komprenas nin ĝuste pro tio, ĉar ili restas ekster la limo de la lingva kompreno.

Nu, la sinjoro prezidanto eksidas, elpoŝigas sian horloĝon, metas ĝin sur la tablon kaj definitive ekzilante Esperanton li malfermas la nacilingvan kunsidon de BES. Ĉe la tablo rolas : la Prezidanto, Sekretario, Kasisto, I-a kaj II-a Komitatanoj. Honorloke, sed iom fore de la tablo, la fremdlanda mondvojaĝanto silente digestas. Li ŝajnigas grandan atenton al la nekomprenata lingvo. La popolo, premante sin unu al alia, modestadas sur la angula kanapo : la du ge-amideanoj kaj mi.

Nun sekvas protokola ekstrakto, eble iom kurba, sed pli fidele respegulanta la realecon ol la oficiala protokolo mem.

*Prezidanto (per dekminuta enkonduko klopodas konvinki la ĉeestantojn, ke Esperanto estas necesa kulturfaktoro):* ... kaj tamen... ĉar... kvankam... vidu, gesinjoroj, sekve... jes !... ne !... la nekredemo skeptike neas... Oni aŭdante la vivan parolon, tamen ne kredas pri la ekzisto de la lingvo, simile al la kamparano, kiu kun sia amiko vizitis la zoologian ĝardenon kaj vidante la ĝirafon li ekriis : « Tjiii ! Baptano, tia besto eble eĉ ne ekzistas ! »

*Komitatanoj (entuziasme aplaŭdas):* Prave ! Prave !

*Fremdlandano (konvinkite de la nekomprenita parolo):* Vivu ! Esperanto progresas. *(Li ĝentile aplaŭdas.)*

*Prezidanto (indulge ridetas kaj perkape dankas la aprobon):* ... ĉar... kvankam... tamen... sekve... jes... ne... mi proponas la eldonon de propaganda libreto, nu, kiel mi esprimu, jes, mi pensas pri eta libreto, kajereto, oportune klariganta ĉion pri la lingvo al la publiko... en 100 mil ekzempleroj... kvankam... tamen... sekve la titolo estus Katekismo de Esperanto.

*Komitatanoj (forte aplaŭdas):* Prave ! Prave !

*Kasisto (gravmiene):* Si-si-sssinjoroj, la ka-ka-kkkaso estas ma-malpl-pl-plena. La la la prropaganda pr-pr-prrrovizo estas re-re-rezervita po-po-por aaaalia celo. Nur ĉ-ĉ-ĉe la fi-fino de la ja-a-aro ni po-po-povas tu-u-uŝi ĝ-ĝ-ĝin. Nun e-e-estas nur Ma-Ma-Majo *(Kaj ĉion en nacia lingvo ! Prezentu al vi, kiel flue li balbutus en Esperanto !)*

*Fremdlandano (ĝentile turnas sin al la apude sidanto kaj gratulas):* Vere, tre interesan muzikon havas la parolo en via lingvo.

*Sekretario (raportas):* ... kaj fine mi ĝoje sciigas, ke la nombro de nia membraro konstante kreskas. Dum la lasta kvaronjaro aliĝis kvar novaj el la dek kursoj, aranĝitaj de nia landa societo. Entute ni havas 57 membrojn, el kiuj 7 jam pagis la kotizon.

*Komitatanoj (fortege aplaŭdas):* Brave ! Brave !

*Sekretario:* Mi havas la honoron proponi la elektadon de honoraj kaj protektantaj vicprezidantoj kaj membroj el la vicoj de niaj naciaj eminentuloj...

*Komitatanoj (aplaŭdas):* Brave ! Brave !

*Sekretario:* Mia listo entenas nur 25 gravajn kaj famajn nomojn. Ni povus kompletigi ĝin laŭ via deziro.

*(Sekvas dekminuta kompletigado. Dume la Fremdlandano dolĉe ekdormas. Fine pretiĝas la listo kun 49 nomoj.)*

*Prezidanto:* Sed, sinjoroj, kial ŝpari je la honoro ? Mi proponas, ke la nombro de la honoraj vicprezidantoj kaj membroj estu 50.

*Komitatanoj (aplaŭdas):* Prave ! Prave !

*Fremdlandano (aprobe ronkas).*

*Prezidanto (senpacience rigardas sian horloĝon):* Gesinjoroj, pardonu, sed mi devus... devas... mi petas vin, kiel eble plej koncize...

*I-a Komitatano (leviĝas kaj mildatone ekparolas):* Altestimata sinjoro Prezidanto, estimata Komitatkunsido, karaj gesamideanoj, kiel nia kara, ĉiam alte honorata sinjoro Prezidanto bonvolis trafe rimarki kaj kiel ankaŭ vi, tre estimataj komitatanoj, scias, ni devas propagandi kaj propagandi, ĉar kiel nia eminenta, de ni ĉiuj tre alte estimata sinjoro Prezidanto diris kaj kiel ankaŭ vi, karaj kaj estimataj gesamideanoj, bone scias, ni havas, kaj ankaŭ nia lingvo havas malamikojn kaj konkurantojn. JES ! Jes ! Jes ! Ni havas malamikojn. Mi diras al vi, altestimata sinjoro Prezidanto kaj al vi, tre estimataj komitatanoj, ni havas ankaŭ konkurantojn. Multajn el niaj malamikoj ni jam venkis. Jes, ni venkis jam multajn el niaj malamikoj, sed ne ĉiujn. Ne ! Ne ! Ne ! Nun naskiĝis nova. Jes, nova nun naskiĝis. Kaj tiu nova konkuranto kaj tiu konkuranto nova estas : « *Basic English* ».

*II-a Komitatano (entuziasme):* Vivu Zamenhof !

*Prezidanto:* ... jes... tamen... kvankam... sekve... mi volas diri nur tion, kvankam mi ne scipovas paroli pli bone *Basic-English*-on ol Esperanton, aŭ pli ĝuste esprimite, mi parolas ilin samgrade, tamen... ĉar... sekve... miaopinie *Basic English* ne povas esti serioza konkuranto, ĉar ĝi celas nur tian primitivan nivelon en la konversacio, kia ekzistis inter *Robinson Krusoe* kaj *Vendredo.*

*Ĉiuj (ekstaras kaj aplaŭde aprobas la trafan komparon).*

*Fremdlandano (vekiĝas, ĉirkaŭrigardas, ekstaras kaj maŝine aplaŭdas eĉ tiam, kiam la aliaj jam estas eksidintaj. La Sekretario pergeste residigas lin).*

*II-a Komitatano (leviĝas, Napoleon-miene ĉirkaŭrigardas kaj patose gestadas dum la bataltona parolado):* Sinjoroj, la danĝero frapas sur la pordo ! La reorganizo gravas. Ĉu UEA aŭ UFE ? UEA kaj UFE batalas, kiel iam IKUE kaj IKA. Ĉu nia BES neglektu la problemon ? ICoKo jam alvokis nin. Sinjoroj, UEA kaj UFE batalas. La rezulto estas eksterduba. Kion rezultis la batalo inter IKUE kaj IKA ? Ĝeneralan malfortiĝon. Ni rigardu : jen antaŭ ni estas dispartiĝo SAT kaj SEU. Nia BES aprobu la reorganizadon, sed restu neŭtrala, ĉar BES, nepaganta kotizon al KoRo, neniel estos subtenata de ICoKo kaj tial nia eventuala propono eĉ ne atingos la LoKoKon de la nunjara UKE... *(kaj tiel ankoraŭ kvin minutojn !!)*

*I-a Komitatano (ĉe ĉiu frazo aprobas):* Prave ! Brave ! Grave ! Rave ! ktp.

*Prezidanto (subite enpoŝigas sian horloĝon kaj rifuĝante adiaŭas):* Senkulpigu min, sinjoroj, mia urĝa laboro kaj granda okupateco. *(Li forkuras al la Kartluda Klubo, kie li havas malbonŝancon pro la zigzage embarasaj literoj UEA, UFE, IKUE, SAT, BES.)*

*Sekretario (solene fermas la kunsidon post kvaronhoro dankante al la ĉeestantoj la laborEMon. La I-a Komitatano afable vekas la dormantan Fremdlandanon).*

*(Jam ĉiuj estas en la antaŭĉambro escepte la junaj geamideanoj, postrestintaj por estingi la elektran lumon kaj por... Ni ne estu maldiskretaj !)*

*La Junulo (por savi la saveblan kaj por subpremi misteran ŝmacan sonon):* Vivu Esperanto !

*Komitatanoj (entuziasme kaj plenpulme):* Vivu Zamenhof ! *(La gvidantoj de la loka movado grupe kaj digne paŝadas malsupren en la ŝtuparejo.)*

*I-a Komitatano:* Vi, tre estimata sinjoro doktoro samideano, bonvolis bone klarigi la situacion en la organiza afero. Prave kaj brave vi diris, ke ni devas organizigi,sed tiel, ke ni restu absolute neŭtralaj en ĉiu problemo de la movado. Mi gratulas.

*II-a Komitatano:* Sed ankaŭ vi, samideano, eminente montris nian novan malamikon. Vi havas per tio gravan meriton. Mi gratulas.

*I-a Komitatano:* Ĉu ne ? Ankaŭ vi tiel opinias. Ĉu ne ? Bedaŭrinde mi forgesis la plej ĉefan punkton de mia parolado.

*II-a Komitatano:* Ĉu ?! Vere mi bedaŭras.

*I-a Komitatano:* Jes, jes ! Mi forgesis mencii, ke ĵus mi laboras pri projekto, savanta nian lingvon. Estu inter ni. Jam estas preskaŭ preta mia « *Basic Esperanto* ».

*II-a Komitatano:* Permesu, ke mi gratulu ! Vere, nia sankta afero mirinde progresas.

*I-a Komitatano:* Kompreneble, se *ni* laboras. La hodiaŭa kunsido vere firmigas en mi la fidon pri la estonteco.

*(Ĝenerala adiaŭo sur la strato. Disiĝo.)*

*La Junulo (ridetante al ĉarmulino):* Estis vere genia ideo. Ĉu ne ?

*Ĉarmulino (petole):* Tiamaniere ni povas superruzi paĉjon. Ĉu ne ?

*La Junulo:* Estas bonŝance, ke mi trovis tiun ĉi societon. Almenaŭ dufoje ni povas esti kune kaj sensuspekte.

*Ĉarmulino:* Kiel vi opinias pri tiu ĉi Esperanto aŭ Espiranto ? Ĉu ne estus bone lerni ĝin ?

*La Junulo:* Por ni estas superflue. Eĉ sen nacia lingvo ni komprenas unu la alian *(Subite li ŝtelas kiseton de ŝi)*.

*Ĉarmulino:* Vi estas tute prava.

*(La kurteno kapbalance falas.)*

**Vivu Esperanto ! Per kio ?**

# La horizonto

En la tuta granda historio de la homaro la homo estis ligata al la tero. Lia klopodo ĉiam emis al distanco. Li traveturis marojn. Li konstruis turojn. Sed nur en la lastaj tempoj li sukcesis venkakiri ankaŭ la aerspacon kaj de tie rigardi al egaj vastecoj.

Prof. Piccard, la konata fluginto en la stratosferon, sciigis, ke oni povas vidi ĝis 450 km. el la alteco kiun li atingis.

Kia perspektivo ! Do, el la mezo de Svislando la homo povus vidi norden ĝis Köln kaj Kassel, orienten ĝis Steyr kaj Klagenfurt, suden ĝis Pisa kaj Firence kaj okcidenten pli malproksimen ol la Loire. Kiu ne emus travivi tian rigardon ? Kaj kiu dubas, ke tia travivo ne estus ebla ankaŭ al ni ?

Tiel estas la homo. Vasteca estas lia serĉado. Forta lia bezono privenki la malvastecon. Kaj kiu kontente vivadas la ĉiutagaĵojn kaj nur pensas ete, tiu nenion sentas de la tasko, kiu estas donita al ni : venki kaj ĉiam majstri ĉion. Por ke la homo fine povu vivi sen eternaj malakceloj, fiere kiel homo en justeco kaj libereco.

# Tra la libraro

**Hungara Antologio. — Literaturo. — Religio, Socio.**

Impona, preskaŭ monumenta, tiu *Hungara Antologio*. De la Kataluna kaj Belga (duvoluma), ne aperis tia libro. 472 paĝoj, oktava formato, belaj papero kaj preso, sur apartaj kliŝopaĝoj 47 verkistportretoj. Redaktanto : K. Kalocsay, nia plej kapabla poeto kaj artlingva teoriisto ; kunlaborantoj, kvino da talentaj verkistoj-tradukistoj : Bodo, Halka, Szilagyi, Totsche, Baghy. Ĉu pro aparta karaktero de sia lingvo, hungaroj facile kaj majstre uzas la internacian ? Ĉu ne pli facile, per antologio, doni sufiĉan ideon pri literaturo de ne tre malnova aŭ mezgranda nacio, ol pri tiu de pli potenca plurjarcenta popolo ?

Post antaŭparolo, en kiu Kalocsay pridiras la celon de l'verko, la elekton de l'tekstoj, la uzatan lingvoformon, estas studo pri la hungara literaturo, poste la poezia kolekto, proksimume unu triono de l'volumo, plue la proza, du trionoj, fine klarigaj notoj kaj tabeloj. Pri ĉiu citita aŭtoro, mallonga, trafa, panegira karakterizo. La poezioj estas unue malnovaj baladoj kaj romancoj, poste versaĵoj el poetoj de la 16a jarcento ĝis la nuno. Do vera historia antologio, kie 28 poetoj estas reprezentataj, iuj per unu poemo, aliaj per pluraj, ĝis 30 por Petőfi. Pri la prozaj tekstoj, multaj estas sufiĉe ampleksaj ; kelkaj eĉ sufiĉus por unu tuta libreto. La redaktanto intence « rezignis pri la kompleteco por doni prefere interesan kaj plezure legeblan legaĵon. » Tial aperas nek la malnova proza literaturo, nek la aŭtoroj ekverkintaj post la milito. Ankaŭ, krom lirikaĵoj aŭ filozofaĵoj, la plej multaj prosaĵoj estas rakontoj, noveletoj, imagaĵoj, ofte kun humora aŭ spirita karaktero ; ili ja havas la avantaĝon esti kompletaj historioj, sed faras el la proza parto ĉefe kolekton da amuzaj aŭ paradoksaj rakontoj da eseoj el moderna aŭtoraro (tiel moderna, ke skizeto fine aludas la ĵusan Londonan konferencon).

Pri la neologismoj, oni sin tenis al kompromiso inter konservativemo kaj postuloj de l'poezia artlingvo, tio estas ke ĉe la pure prozaj tekstoj « komencanto trovas en la libro tre multe da legaĵo, en kiu lin ne ĝenos eĉ unu vorto ne trovebla en la Plena Vortaro », dum en kelkaj poeziprozaĵoj kaj en la poemaro troviĝas neologismoj, listigitaj en fina klarigtabelo, el kiuj plej multaj estis ofte uzataj en gravaj verkoj kaj vortaroj, kaj nur dekduo estas novaĵoj. La « Studo pri la Hungara literaturo », de M. Babits, estis verkita por franca legantaro, sed tute taŭgas por internacia. De alte konsideras la aŭtoro la evoluon de sia landa beletro, signante nur ĝiajn elstarantajn trajtojn, priparolante ĝin poete kaj filozofe, kun oftaj komparoj kun alilandaj verkoj kaj aŭtoroj, kun taŭga karakterizo de l'propra nacio kaj kulturo :

« La hungara voĉo ne havas parencon ĉi tie (en Eŭropo), eĉ apenaŭ en la tuta mondo : io fora, azia eksonas en ĝi.»

« La genio de l'Homaro starigis ĝin (la hungararo) sur la limon de du civilizoj kaj la hungara animo kun plena konscio akceptis tiun paradoksan sorton. »

« Kaj la rezulto de l'bataloj estas tiu stranga amalgamo pri kiu mi parolis : konstanta progreso kaj obstina fideleco samtempe, du nedisigeblaj dentradoj de Okcidento kaj Oriento, kiujn eĉ ĉiu salteto puŝas plu la fekunda kunkroĉiĝo de ili ambaŭ. »

Sed la tradukon de tiu rimarkinda skizo, abundo da neoftaj vortoj, longaj malsimplaj periodoj, kredeble necesaj pro la originalo mem, igas iom multaj komprenata kaj encerbigebla.

La poeziojn, ĉiujn preskaŭ, tradukis Kalocsay. Li jam pruvis sian eksterordinaran kapablon en tiu malfacila tasko; li fleksigas virtuoze nian lingvon, kaj la reguloj kaj licencoj de lia « Parnasa gvidlibro » pruviĝas efikaj. Nu miri kaj admiri oni povas pri la rezultato, ne nur laŭ ĝia arta valoro, sed ankaŭ kiel sukcesa jonglado, akrobata ludo. Mi persone ne ankoraŭ konvinkiĝis, ke Esperanto devas celi, kaj povas, sen ia misigo de sia propra stilkaraktero, redoni plensence kaj laŭforme ĉiujn nacilingvajn poemojn. La plua silabnombro de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj kondukas al tiaj koncizaj versoj, ke du aŭ tri legoj apenaŭ sufiĉas por kompreno.

Jen ekzemple kelkaj :

« *Radi-penik'*, *pentril' de mia fal'* ! »

« *Drakdent-semad' estas la hom-gener'* ; »

« *Ĉi kot'freneza, de-vizaĝa er'* ; »

« *Konjektas kisojn mi, pli ol sufiĉe*
*Teron steltriĉe, ĉielon ruĝflor-riĉe.* »

« *Solene muta festo, posthoma festsilent'.*
*Ektrem'feliĉa nun kaj ekspiras plezurĝeme*
*La prasubstanc' dolora : ho ! for turment'kaj laco !* »

---

Cetere oni ne devus tralegi sinsekve preskaŭ centkvindek pli malpli longajn versaĵojn ; kiu povos, de tempo al tempo, hazarde malfermi la libron kaj legi unu poemon, tiu ofte taksos ĝin atendinda, studinda, memorinda, sonĝiga, ĝuinda, lasanta nedubeblan artimpreson, ĉu la juvelo estas pradevena, naiva aŭ kruda popolaĵo kantanta kun ripetoj pri princino kaj reĝido, pri rabistoj aŭ turkoj, pri kuraĝaj junuloj kaj belknabinoj, ĉu ĝi estas el la poezioj tra kiuj spiras ĉiuj sentoj, amo, batalemo, patrujadoro, espero, ĝojo, doloro. Por vidigi detalojn kaj samtempe citi almenaŭ kelkajn versojn el tiu abundo, ni rimarku :

la oftan uzon de senperaj verboj :

« *Hej, bravuloj, kio sub ĉiel' de Dio pli belas ol la limoj ?*
*Se l'printempo floras : birdoj eksonoras, bluas la malproksimoj.*
*Kampoj bonodoras, ĉielo roson ploras, ke plezuras animoj.*

*Malamik' se venas, koroj bravaj plenas de la batalsopiro,*
*Kaj ja, eĉ krom tio, el nura pasio, estas brava turniro,*
*Kie rajdas, bravas, lance luktas, trafas, frunte sangas la viro.* »

(El : In laŭdem confiniorum. Balint Balassa).

la apostrofadon, nepre necesan :

« *Velkas jam nia bosk', falas ornam' de ĝi.*
*Inter nuda branĉar' krakas foli-velkaj '.*
*For la rozlabirint', inter balzamodor'*
*Ne plu flirtas zefira spir'.*

*Mutas birdsimfoni' ; inter la laŭba verd'*
*Plu ne ploras la turd'. Sub la salik-ombrel'*
*Ne odoras viol' en rivereta val'*
*L'akvon kovras sovaĝa fuk'.*

*Sur deklivo de l'mont' kuŝas malhel' kaj mut'.*
*Sur nektara branĉel' ne plu ridetas ber'.*
*Gaje fus tie ĉi sonis jubila kant',*
*Ĉio mutas kaj mortas nun.* »

(El : La proksimiĝanta vintro. Daniel Berzsenyi).

la frapantan koncizon :

*Ne Pariz'. Vilaĝsilento.*
*Riverel' ! Odoraj floroj.*
*Abelzum'. Kaj sub tili'*
*Rideganta infanar'.*
*Okulvitroj. Apogseĝo.*

(El : Sonĝo pri abelejo. Endre Ady).

*He, stop ! Koĉer !! Ho, ĉevalaĉ !*
*Neĝflokoj flirtas fale.*
*Pordklak'. Demandas min vizaĝ'.*
*Matenkrepuska neĝpejzaĝ'.*
*Ni flugas feĉevale.*

(El : Vintra memoro. Zoltan Nagy).

la facilecon de l'rimo :

*Jen la skrib' ! Ĝin legu ĉiu*
*Maturmensa, sobra hom',*
*Ke l'instruon li ekscìu*
*De la saĝa Salomon' :*
*Ĉio, ĉio sub ĉielo*
*Funde estas bagatelo,*
*Neĝo, vintro, ros', somer' :*
*Nura vanta efemer'.*

*Nia tero : formiknesto,*
*Fenomen' momenta nur.*
*Fulmo, tondro kaj tempesto :*
*Marĉlumet', abelmurmur'.*
*Historio nov-malnova :*
*Nur ĝemspiro facilblova.*
*Nur vapor' : la pomp' kaj bril',*
*Sapveziko : la jarmil'.*

(El : Vanitatum vanitas. Ferenc Kölcsey).

la ritmon en libera verso :

« Sube, en submont' silenta, mond' malĝoja kaj senventa, inter asfodeloj, kie asfodel' eĉ ne moviĝas, funebrarb' ne branĉbalancas, nek petal' papava falas, ĉar la vento tie dormas, kuŝas liton asfodelan, svene kuŝas en silent',

kie lagoj ŝtalspegule kaj senmove sin elsternas, sin palpebroj baldaŭ fermas, ĉar palpebrojn ventumante, ŝaŭmkrispige, vekzumante ne iradas tie vent',

en amforojn vaste vastajn, en amforojn alabastrajn kvindek ombroj, kulpaj ombroj, sveltan vazon enmergante, jen mergante, jen verŝante, kvindek damnaj virinombroj por eterne verŝas plu, kvindek damnaj ombroj palaj verŝas, verŝas el fatalaj alabastraj vazoj vastaj vane, sian karan sukon, la neniam sufiĉantan sukon en la Lethe-flu'. »

(El : La Danaidinoj. Mihaly Barits).

---

Kaj nun al la proza parto. Ĝi konigas 30 aŭtorojn, po unu teksto reprezentatajn. Pli ol la duono estas tradukaĵoj de Bodo, kies Cikonikalifo-traduko estas neforgesebla. (Nur tiun renkonton de « sed » kaj « eĉ », mi ne ŝatas : « Ĉar ja, eĉ nur sceneje, sed li povis kisi sian idolon ». « Eĉ se duonmortinte, sed li ludu. ») La tuta tekstaro proza estas admirinda, tre diversa, humora, sprita, realisma, emocia aŭ simbole instrua ; la flua stilo ofte tute forigas la konscion

pri traduko; ĉu ne tute natura lingvo estas en tiu sola ekzemplo:

« Majstro Johano restis sola kun naŭ infanoj. Hej, multe diras tiu ĉi frazo.

Du aŭ tri el ili jam iradis en lernejon, al unu aŭ du oni devis instrui la iradon, alian porti sur la brako, alian manĝigi, al alia kuiri kaĉon; ĉi tiun vesti, tiun lavi kaj por ĉiuj perlabori monon. Certe, karaj baptanoj, tio ne estas facila ofico, bonvolu ja provi!

Se oni devas fari ŝuojn: jen, per unu fojo, naŭ ŝuoj. Se oni devas tranĉi panon: jen, per unu fojo, naŭ tranĉaĵoj. Se oni devas pretigi liton: jen, la tuta ĉambro, de la pordo ĝis la fenestro, estas ununura lito, plena de grandaj kaj malgrandaj kvazaŭhomaj kapetoj.

— Ho, Sinjoro, mia Dio, kiel troe vi benis min, — ĝemis al si multfoje la pia botisto, dum li, eĉ post noktmezo, martelis la plandon, por ke li povu nutri la korpojn de tiel multaj animoj, aŭ dum li ekpuŝis jen unu, jen alian malbone kondukantan dum dormo. »

Ne nur en « Kiun el la sep », el kiu ni kopiis tiun eltiraĵon, malriĉeco estas la temo; en pluraj aliaj ankaŭ aperas ĝi kun malsato, kaj ftiza malsano. Sed kiel doni ideon pri tiu riĉa, varia, interesa, spriteca aŭ kortuŝa prozaĵaro; ne pli bone ol turnante al ĝi tiun frazon, kiun, en unu rakonto, studento diras pri tio, kion libroj alportis al li: « Sed tiuj ĉi mirinde simplaj historioj tiom min katenus, ke de la kortuŝeco ĝis la ridego ĉiu sento peliĝis tra mia animo pro la sorĉefekto de la presitaj linioj. » Ne troigi estas nomi ĉefverketoj kompareblaj kun la plej bonaj rakontoj de iu ajn literaturo multajn el la tekstoj; tiaj estas:

« Kiun el la sep » (Mor. Jokai), kortuŝaj sentimentoj de malriĉa ŝuisto, kiu ne povas seniĝi je unu el la sep filoj, nek akcepti monon por ĉesigi sian kanton;

« La verda muŝo kaj la flava sciuro » (Kalman Mikszath) kun la avara kamparano, kiu rifuzas vivsave detranĉigi la infektitan manon, kaj akceptas morton, ĝis kiam konscio pri eble alia amo por la edzino subite ŝanĝas lian decidon;

« Pentristo en vilaĝo » (Géza Gardonyi), kiu portretas rekonebla por la patrino la mortintan filinon;

« La leteroj de l'poŝtestro » (Gyula Krudy), kiu mem respondas la amleterojn de l'maljuniĝanta malesperanta fraŭlino;

« Rakonto pri la fratinoj Tűnderlaki (Jeno Heltai), du virtaj, unu nemorale vivas, sed el la malvirto ja profitas la virtemaj;

« Esti jam denove bonfaras » (Dezső Kosztolanyi), kie sprite rezonas kaj strange agas la malavara Esti;

sed preskaŭ maljuste ne citi ĉiujn, ĉar persona gusto ne estas perfekta kribrilo; pli alte ankoraŭ staras, laŭ intenseco kaj valoro:

« Mitologio » (Mihaly Babits), kiu dronigas la leganton per flama stilo kaj vera rekreo, en la antikvan grekan legandan epokon, kun tiu potenca rido de Heraklo, aŭ tiu giganta batalo de l'Kentaŭroj kaj ilia senrida orgio;

« Malriĉaj homoj » (Zsigmond Moricz), kun la terurega murdo al infanoj de l'freneziĝinta hejmenveninta soldato;

« Ĉe Mülhausen la malĝoja oficiro » (Dezső Szomory), kun tiu lirika memanaliza amkonfeso pri la porvive memorindaj unikaj kvinminutoj de virino.

La redaktantoj de l'antologio celis: « konigi hungarajn literaturajn trezorojn kaj samtempe doni kiel eble plej valoran kontribuaĵon al la Esperanta literaturaro »; ĉiu justa juĝanto verdiktos honore realigita tiun duoblan taskon, kaj deziros sukceson al tiu nesuperebla libro al la AELA-entrepreno, kies unua volumo ĝi estas.

*Estona Antologio* aperos poparte, ĉar tro kosta estas eldoni 5-600 paĝan grandformatan volumon. Tial elvenis ĝia unua parto kun 136 paĝoj. Komitato gvidis la laboron kaj la tradukadon prenis sur sin 16 personoj, inter ili jam konataj lertaj tradukistoj: Hilda Drezen, Helmi Drezen, H. Seppik kaj aliaj. Jam multaj engazetaj tradukoj el estonaj aŭtoroj aperis, sed la antologio liveros pri tiu eksterlande malmulte konata literaturo tutecan bildon. Konspekto (skizo ?) pri tiu literaturo de l'verkistoj antaŭiras la tradukitajn tekstojn akompanatajn de aŭtoraj portretoj. La simplaj popolkantoj kun iliaj naiveco kaj folklora intereso, la popola epopeo « Kalevido », la poezioj, pli rivelas la propran enlandan animon ol la nuntempaj prozaĵoj. Ni kopiu nur du mallongajn poeziojn por montri kiel zorge kaj arte ili estas esperantigitaj.

**La sekalkampo.**

*Premis varmo kaj trankvil' [vespera*
*Sekalkampon, lacan pro [turmento*
*De atendo, dum sufokaera,*
*Ebriiga iĝis la silento.*

*Mateniĝis. Jen ventet' [ekblovis,*
*La sekalon veki ĝi rapidis.*
*Ĝi petoli, ludi provis:*
*La sekalo savon antaŭvidis.*

*Sun ekbrilis. Ekliviĝis vento*
*Forta, ekondadis la sekalo...*
*Supreniĝis al la firmamento*
*Kvazaŭ danko la polena-maro.*

K. E. Sööt.

Trad. Hilda Drezen.

**Ranoj.**

*Sopiris ranoj je defend',*
*Al « Taara » iris kun ĉi plend',*
*Ke regu en la marĉo leĝ',*
*Ke ilin gardu bona reĝ',*

*« Por ke ne ŝarĝu vin impost',*
*Por ke malgranda estu kost',*
*La reĝo estu ligno blok',*
*Ĉar bona estas ĝi apog'. »*

*Eksonis kvaka jena kri':*
*« Ne volas tian reĝon ni!*
*Senviva blok' ne gardos nin,*
*Malsaĝa estas ĝi sen fin'. »*

*Kaj iĝis tiam laŭ deklar'*
*La gruo reĝo de l'ranar'.*
*Regadas nun bonege ĝi,*
*Maĝante ilin kun pasi'.*

Jakob Liiv.

Trad. Hilda Drezen.

Unu rimarkinda akto el dramo « Luphomo » de August Kitzberg poezie kaj imprese esprimas la forton de kamparana superstiĉo. Ankaŭ interesaj pri la popola vivo estas la tri plej longaj prozaj rakontoj: « Helpu » (Ernst Peterson), kie mizera hejmo, reveno de ebriula patro estas realisme kaj reliefe pentrataj; « La dishakita galeaso » (Jakob Mändmets) kun la vivo de maruloj, atenco kaj konsciencriproĉoj de krimulo; « La Laktisto de Mäeküla » (Eduard Vilde), kie krudaj nekleraj personoj iom malklare esprimas sin, sed kie strangaj iamaj moroj kaj paradoksa konflikto inter geedzoj havas apartan guston kaj originalecon. Tiuj kvar cititaj prozaĵoj estas vere juveloj, kaj ĉar la tuta libro estas modele tradukita en bonega stilo, ĝi estas el tiuj ne oftaj ĉiel rekomendindaj. (Neankoraŭ legita estas la verbo « pori »: « Ŝi (la patrino) poras la filon » t.e. partias kun li).

Nia bardo, Julio Baghy, repinĉis la kordojn de sia liro kaj *La vagabondo kantas*. Bela plaĉa libreto, kun originala kovrilo, ĝia subtitolo estas: « Simplaj versoj »; ĝi ne trompas ĉar vere mallonge, malpeze, flirte, variritme kaj kun mirinda facileco la poeto iras de rozoj al papilioj, de kisoj al spitoj, de travivaĵoj al preĝoj, de malico al konvinko, de vortludo al seriozeco, de ironio al satiro, de humoro al kortuŝo, de

amo al sarkasmo, de liriko al filozofio ; ŝajne li pezias nature, kiel li spiras, kaj se tiu verskolekto ne superas antaŭajn, ĝi sur pli komunaj temoj pruvas saman arton, lertecon. Estus agrable multon citi, ne eblas. Jen pika fino de poemo (ia poeta arto) dediĉita al poetofrato (oni suspektas kiun) :

*« Lingvo eble perfektecon*
*gajnos en retorto,*
*sed ĝin oni lerni devos*
*de naskiĝo ĝis morto. »*

Jen adiaŭo de vojaĝinto :

| | |
|---|---|
| *Flugos for la revo...* | *Flugos jar' post jaro...* |
| *Kiel kara mevo* | *Kiel ŝip' sur maro* |
| *migros for mi el la lando;* | *mi pereos inter rifoj,* |
| *vokas min la — devo.* | *glutos min ondaro.* |
| *Mi ne ploros,* | *Vi ne ploru,* |
| *mi ne ploros,* | *ho, ne ploru,* |
| *nur la koro doloros,* | *eĉ la kor' ne doloru* |
| *ĉar vi, mia kara,* | *nur per eta preĝo* |
| *por alia floros.* | *pri mi ekmemoru !* |

Jen du strofflnoj, koncize sencplenaj, melankolie malesperaj :

.................................
*jen vivo mia: migro kaj sopir'...*
.................................
*Celperda halto kaj celserĉa ir'.*
.................................
*jen sorto mia: dono kaj ricev'...*
*Semado vana kaj senfrukta rev'.*

Jen parto el ironia priskribo pri kelkaj niaj samcelanoj :

*Polvkovrite sur bretaro*
*putras mia SAT-vortaro.*
*Tedas min la vorto-listo*
*estas mi esperantisto.*

*Gramatikon mi ne konas*
*kaj gazeton ne abonas...*
*Librojn legu la verkisto ;*
*estas mi esperantisto.*

*Mi parolas kun rapido :*
*« Bonan tagon ! Ĝis revido ! »*
*Ĝi sufiĉas por ekzisto ;*
*estas mi esperantisto. !*

La libreton eldonante, la geamikoj de l'aŭtoro certe plezurigis lin ; nun la libreto plezurigu multnombran legantaron, inde ĝi tion povas.

Kiu ŝatas romanon, kun lerte implikita intrigo, sufiĉe mistera, eĉ malkvietiga, kies finon ĉiam pli senpacience scivolas, legu la novan : *La nekonata konato*, de Douglas P. Boatman. Ĝi estas bazita sur stranga telepatia ligo inter ĝeĝemeloj, mirakla pensdivenemo, psika preskaŭ hipnota influo. Tial se amo kompreneble ludas sian rolon, ĝi ne estas la ĉefa instigilo. Originalaĵo aŭ traduko, tio ne estas dirite, sed ĉiuokaze oni legas plezure la fluan korektan stilon de l'verko, ankaŭ bele presata.

Romano ankaŭ, sed el la speco aŭtobiografia, estas: *Merkado la azenpelisto*, de Naum Jeruŝelmi, tradukaĵo el la moderna hebrea lingvo, kies literaturo helpas reviviĝon de la nacio. Ĝi estas tre interesa ĉar samtempe reala kaj poezia, kun tiu altiro de l'Oriento, de l'malnovaj, foje strangaj moroj konservitaj ĉe la heredantoj de judaj triboj migrintaj al Hispanlando ; historio, kie la kredoj, la familiaj praaj tradicioj, eĉ la superstiĉoj ludas gravan rolon dum ankaŭ intervenas epizodoj de la granda milito en Palestino. Tre agrabla legaĵo, kiu vekas kunsentan simpation al la heroo-aŭtoro, konigata per portreto kaj antaŭparolo, kaj tre bona stilo de l'tradukanto Levi Wiener (Leono Vienano), kiu fieras ĉar li sukcesis redoni ĉiujn nuancojn de l'verko ne bezonante novan vorton (nova uzo ŝajnas « gea » en : « ilia amikeco ekflamiĝis en gean amon »).

Moraviaj pioniroj el Olomouc lerte elektas siajn tradukaĵojn. Post la neforgeseblaj « R.V.R. » kaj « Tridek jaroj en la Ora nordo », ili donas al ni per : *Fokso-Nukso*, de Ignat Hermann, malpli ampleksan, sed tre amuzan, tre spritan rakonton pri hundoj. La aŭtoro, ĵurnalisto-verkisto ironias sed ne akre ; la intence akcentitaj portre de l'malcedemaj procesantoj, la dufoja interŝanĝo de l'bestoj kun la serio da miskomprenoj kiujn ĝi okazigas, laŭte ridigas la leganton. La verketo atingis tiun precizan punkton, kiam ŝerĉaĵo estas nek troigita nek sengusta, kaj tion oni ne trafas tiel facile. Tre bona traduko.

La triakta komedio *Kurioza Okazaĵo* de Carlo Goldoni, aperas esperante kun portreto de l'aŭtoro kaj tri bildoj. Goldoni, en la 18-a jarcento, revekis la italan teatrarton, kiu kontentiĝis je farsoj, per imito de l'franca Molière. La amintrigo okazas samtempe duŝtupe, inter la gemastroj kaj inter iliaj servistoj, kaj lerte kunplektitaj celadoj kondukas al delogoj, trompoj, lertaj elsaviĝoj. Pri la traduko, ĝenerale bona kaj kun tre trafaj parolturnoj, mi riproĉus etaĵojn, kiel duoblan akuzativon (Kiu vin diras tion fari. Vi min diras tion.), strangan uzon de « laŭ » (laŭ mi vidas ; laŭ mi aŭdas), de « dubi » en la senco de pensi, opinii, timi (mi dubas ke ĉi tiu aero estas al mi tre malutila ; li dubas ke li estos delogita) kaj kelkajn misajn verbtempojn.

Bela eldonaĵo estas : *La okulo de la eterna frato*, kun tri simbolaj lignogravuraĵoj (Kial antikva hinda urbo tiom similas mezepokan eŭropan ?), kaj vere modela perfekta lingvo. Temas pri trafe elpensita legendo el antikva Hindujo de la konata germana verkisto Stefan Zweig. Dum ribelo, Virata erare mortigis sian fraton ; en ĉiuj tre diversaj postaj travivaĵoj, li retrovas ĉe suferantoj la rigardon de l' mortinto riproĉe turnintan al li, kaj malgraŭ ke li ĉiam celas al perfekteco, li ĉiam nevole kulpas. Ĉu tiaj frazoj ne elvokas la grandiozon de l'fea Oriento :

« Kaj ili haltis, kiam ili ekvidis la militistaron, kaj sternis tapiŝojn sur la straton kiel signon, ke venas renkonte al ili la reĝo, kies plando neniam tuŝas teran polvon de la naskiĝhoro ĝis la morto, kiam la flamoj ĉirkaŭprenas lian senmakuligitan korpon ».

« Virata klinis sin antaŭ la reĝo kaj ĉirkaŭprenis lian genuon kiel danksignon. La reĝo ordonis lin eksidi sur la elefanto flanke de li, kaj ili enmarŝis en la sesdekturan urbon, kies ĝojego muĝis al ili kiel venteganta maro. »

La instruo de la legendo eble estas :

« Sed li ne estu punata per forigo de l'vivo, ĉar la vivo venas de la dioj, kaj la homoj ne rajtas tuŝi diaĵon. »

« Neniu povas esti ies juĝisto. Konvenas al Dio puni kaj ne al homoj, ĉar kiu tuŝas sorton kulpiĝas. »

Ne necese longe skribi pri : *La morto de Smail-Aga Cengiĝiĉ*. La februara numero de *Esperanto* citis longan eltiraĵon el tiu poemo kaj represis tri ĝiajn bildojn. Ĝi estas tre bele, eĉ lukse, eldonita libreto, ornamita per kvin tutpaĝaj malnovaj bildoj kaj aŭtorportreto. La enhavo : heroa eposo kroata en kvin kantoj de Ivan Mazuraniĉ, « plej

glora ornamo de la tuta jugoslava literaturo. » Bona antaŭparolo kun proza resumo helpas kompreni verkon kiu « geniece unuigas popolan poezion kun arta versaĵo ». Sed la tradukinto, Mavro Ŝpicer, kiu volis sian laboron « kiel eble plej fidela al la originalo » laŭ senco kaj firmo, tamen ankaŭ pravas dirante la flamantajn vortojn « preskaŭ netradukeblaj ». Se partoj estas fortaj kaj brilaj, aliloke laciga, eĉ rebusa fariĝas la legado, malgraŭ aŭ pro la abundo de klarigaj notoj, pro oftaj netradukitaj fakvortoj, nekonataj propraj nomoj, pro troa disiĝo de dense ligitaj vortoj kaj nenatura vortordo, ĉio tio por atingi ritmon kaj rimon laŭ la originalo. Eĉ proze la tradukisto skribas : « Tri lin alpelis doloroj ».

Dusenca fariĝas verso kiel :

*« Vin ĉi tiu lando naskis roka. »*

Nekomprenebla tiu :

*« Monde pli por vi malestas karo. »*

Cerbuma enigmo tiuj :

*« Pentu, ĝis animon vian vere*
*Li ne vokos, kies vi eksentu*
*Skuon de l'ĉielo. L'viv'severe*
*Rapidegas fluge, tial pentu ; »*

aŭ tiuj :

*« Sed 'al brava, eĉ heroo*
*Iufoje l' man'ekdormas :*
*Tiel nu malica volis sorto. »*

Sub tiu titolo : *Sinjoro Laŭdata*, S-ro Niŝimura kolektis la dediĉaĵojn senditajn al la majstro Onisabro Deguĉi, ĉefo de Oomoto-movado, okaze de lia liberigo en 1927 post sesjara enkarcerigo kaj aldonis en tiu dua eldono serion da gratuloj adresitaj al la sama apostolo en 1931, por festi lian sesdekan naskiĝdatrevenon. La lukse eldonita libreto, vera albumo sub tolbindaĵo, prezentas, post du portretoj, la leterojn en esperanta originalo kaj en japana traduko sur kontraŭaj paĝoj ; pro la diverslandeco de aŭtoroj kiuj skribis verse aŭ proze, sed ĉiam laŭde, formiĝis kvazaŭ antologio de pli malpli konataj skribintoj.

Jen tri novaj numeroj el la *Esperantlingva Novelbiblioteko*, kiun redaktas Leono Vienano. La No. 4 enhavas du rakontojn tradukitajn el hungara lingvo : *Fraŭlino Ida*, vivaĵo de nuntempulino, kiu volas mortigi sin ĉar pro dotmanko ŝi ne povas edziniĝi kun la amato, kiun cetere ŝi, tuj heredinte, ne plu trovas aminda, kaj : *La vojo malsupren*, preskaŭ nekredebla priskribo de mizero tia, ke junedzino vendas sin por eviti al si kaj al la edzo malsatmorton. Ambaŭ pesimistaj rakontoj en bona traduko ne prezentas specialan homan aŭ literaturan valoron. Ankaŭ duparta la No. 5 : *La Hontemulo*, noveleto pri malriĉa knabo kiu pasie serĉas feliĉon ĉe mondumaj virinoj kaj malsukcesinte pendigas sin ; *La unua kiso*, amvekiĝo ĉe junulo. Bonlingvaj tiuj verketoj el konata dana aŭtoro H. Bang, sed ne tre moralaj. Feliĉe nia epoko sporta kaj morlibereca malaktualigis tiun strangan reciprokan sintenadon inter seksoj, tiujn postpubertajn dezirojn. Fine No. 6 ankoraŭ entenas du rakontojn de l'pesimista akra sveda verkisto Strindberg : *Amo kaj pano*, ironias pri antaŭ- kaj dumedziĝa vivo de paro, kiun malprudenta elspezemo kondukas al bankroto kaj disiĝo, kaj : *Aŭtuno*, kie edzoj post dekjara kunvivo serĉas reveki la unuajn iluziojn ; tiu klopodado kompreneble melankolie fiaskas. Ambaŭ tre trafe esprimas malĝojigajn sed ne maloftajn statojn kaj sentojn.

*Amo per proverboj* (verkinto Arthur Azevedo, tradukinto A. Conto Fernandes) amuza unuakta komedieto de dekkvinjara brazilano aperas kiel dua eldono ; ĝi sprite ridigas per la manio de l' ĉefpersono ĉion esprimi per proverboj kaj estas facile ludebla dum kunvenoj.

La *Ĉinaj noveloj* de O. Erdberg, estas pliĝuste skizoj pri revolucia milita tempo en Ĉinio. Tre impresaj estas la priskriboj pri la almozpetanta infanaro, pri la premegataj laboristoj, la terura vivo en la fabrikoj aŭ ĉe rizkulturado, ankaŭ tiu kontraŭeco inter deklaroj kaj faroj ĉe la sindirantaj civilizantoj. La raportoj pri ribeloj, strikoj ŝajnas veraj atestoj de vidinto aŭ partoprenînto.

La verketo malfermas kurtenon post kiu terure batalas klasoj, popoloj, civilizoj. Sed politikaj konsideroj estas foje valoraj, foje supraĵaj, paragrafoj saltas de unu ideo al alia kaj la stilo ne estas ĉiam klara, kun troaj inversoj kaj novaj vortoj.

Zorge eldonita bindita libreto, kun ok bildoj de antikvaj reliefoj kaj statuoj, klarigas la instruon de *Budao*. La teksto esperantigas japanan tradukon de angla originalo. Budao ne estas Dio aŭ eĉ profeto, nur homo ; li ne alportis revelacion, ne promesis rekompenson, sed nur montras kiel, per si mem, homo povas saviĝi kaj liberiĝi, kontroli siajn pasiojn, deteni sin de peko. La lingvo de l'libreto, ne perfekta, abundas je propraj kaj fakaj nomoj malfaciligantaj la legadon.

Koncizan resumon pri deveno kaj dogmo de luteranisma kredo ni trovas en broŝuro : *Vivo de D-ro Martin Luther*, kun biografio kaj aldone la malgranda kateĥismo. Restis kelkaj preseraroj kaj stilaj malglataĵoj.

La broŝuro, eldonaĵo de Internacia Biokosma Asocio, kun portreto de J. Krishnamurti, kaj lia prelego : *Sperto kaj Konduto*, estas tradukita de Petro Stojan. Ĝi predikas solidarecon inter homoj, inter ili kaj la kosmo, kiu forigos la militon, sintezos la religiojn. Iom tro teoria metafizika rezonado, ne por ĉiu tuj komprenebla.

Tri novaj predikoj de la profeto Petro Danov estas kunigataj en *La tri fundamentoj de la vivo*. Ili estas la Amo, la Fido kaj la Espero. Kun moralaj konsiloj, amuzaj anekdotoj, rapidaj ideŝanĝoj certe bonintencaj sed ankaŭ loke infanaj kaj preskaŭ ridigaj, (ekzemple multaj aludoj al amaferoj aŭ pseŭdosciencaj argumentoj), ili eble estas nur protokoloj de improvizitaj prelegoj. La plej interesa parto estas la kvar bildoj kaj la fina artikolo pri la kunvenoj de la Blanka Frataro, kies vivo kaj kredo memorigas pri la kutimoj de l'unuaj kristanoj.

Kontraŭreligia, ateista propagandilo, estas *La Dia pesto*, broŝureto, kie tre ironie estas mokataj mondkreo, dia triunuo, Kristo, pastraro kaj eklezio. La traduko laŭ germana originalo estas bona.

Jam estis parolate pri unu aŭ du broŝuroj el la serio « Evangelio de Belismo » verkitaj de japano Okamoto Rikiĉi. Jen estas la numeroj 7 kaj 8 de la kolekto : *Evangelio de Homar — kompletigo*, kaj : *Teorio de Socia vivo*. La teksto estas ofte iom konfuza. Tamen en la unua ni havas ion interesan : la evoluon de mizera, malsana infano, kiu konkeras korpan kaj spiritajn kapablojn, kreas al si propran vivkoncepton, nomatan : Belismo, kaj kiu laŭ siaj spertoj volas iniciati ankaŭ nian mensan progreson. Lia etiko unuigos homojn super religioj aŭ sociaj klasoj, malfermos novan epokon, kiam Belo, Amo kaj Vero estos ĉies instigiloj. « Kiam la norma vivmaniero realiĝos, superflua laborforto ne kaŭzos timon je senlaboriĝo, sed mallongigos tempoperdon por materia vivo, kaj homoj povos aldividi laŭeble

grandan tempon por spirita vivo de l'konscio mem. » Atentinda verketo. En la du, la aŭtoro resumas, sed tio ne estis nefacila tasko, ne plene sukcesinta, grandan verkon : Nova Ekonomio. La programo restas supraĵa kun senutilaj evidentaĵoj kaj ripetoj. Nova sociordo konformiĝos al tia ekonomio, kiu estas scienco, kiel fiziko, kun leĝoj el faktoj ĉerpitaj; homoj loĝos en grandaj komunaj domoj por ŝpari mastruman laboron. Laŭ okupo, devas 80% de l'loĝantaro praktiki terkulturadon, nur 10% industrion kaj 10% komercon kaj organizon. Jen ekzemple du argumentoj :

« Krom tio, la homaro laŭ progreso de kulturo, pli kaj pli kutimas manĝi bongustaĵojn de bestaj viandoj kaj rezulte de tio ekestas manko de vitamino E kaj tromulteco da graso, de kio aperas interna sekreciado malhelpanta generadon, kaj rezulte de tio malgrandiĝas pliiĝo de l'loĝantaro. »

« Kion la privilegiita klaso prenas nun en la nomoj de rento, bienrento, profito, imposto, k.t.p. estas dividrabado kaj uzurpado.... Laŭ la ekonomia fiziko rento ne estas permesata kun kiel ajn malgranda procento. »

Ankaŭ la broŝuro : *Pangea* prezentas, laŭ Rudolf Herceg : « la sole eblan eliron el la mondkrizo ». La multaj kuracistoj de l'malsana socio ĝis nun donis senefikajn rimedojn ĉar ne radikajn. Estas tri gradoj en la socio; la terciara, tiu de organizantoj kaj trafikantoj regis ĝis nun; en Rusio premis la potencon la sekundara, tiu de l'laboristoj; sed en venonta mondŝtato, kun unusola armeo, tiu de Ligo de Nacioj, la primara klaso, la produktantoj de kruda materio, estros; ĉiun homon instigos ne plu individua, sed kolektiva animo; li estos vilaĝano kaj terkulturisto; sola la kampara vivo, kiel tiu de l'kroata tero, estas natura, normala; ĉiuj aliaj laboroj, malpli necesaj, estos flanklaboroj.

Pli malnovaj reguloj por ŝtatordigo liveris japana princo vivinta de 573 ĝis 621 antaŭ Kristo; oni trovas ilin, tekstoj esperanta kaj japana, en la 17 artikoloj de la broŝureto : *La kodo de kronprinco Soologu*, kiu estis la unua skribita leĝo de Japanujo. Jen unu el tiuj artikoloj :

« Artikolo IX. Fido estas la bazo de la homaj rilatoj. Do, en ĉiu okazo regu fido. Ĉu bono aŭ malbono, ĉu sukceso aŭ malsukceso, tio ja dependas ĉefe de ĝi. La fido inter la suvereno kaj la vasaloj ĉion sukcesigas, sed ĝia manko ĉion fiaskigas. »

Bone tradukita, la studo de Georgo Bastien : *La liberecana socio*, liveras la ideojn de anarkistoj — teoriuloj pri la socia organizo, kies evoluo ne sekvis paralele tiun de scienco kaj tekniko; nunan ordon oni ne povas bonigi per flikoj, sed ĝin oni devas tute anstataŭi per reĝimo de liberaj asocioj sin federantaj, kiuj pace kunlaboros, sen dio nek mastroj.

*Rezultoj de la unua kvinjarplano*, estas raporto legita de J. Stalin la 7an de januaro 1933. Ĝi diras la signifon de l'plano por la tutmonda laboristaro, citas opiniojn, tute kontraŭajn, el burĝaj kaj laboristaj gazetoj alilandaj pri ĝia efektivigo, komparas la superan staton de laboristaro en Sovetio kun la senlaboreco en kapitalistaj landoj; la jam antaŭe konkerita supereco sur la politika kampo estas, per la plano, ankaŭ atingita sur la ekonomia.

Ĉiam interesa estas la fakto, ke originalaĵo esperantlingva estas tradukata nacilingven. Tio okazas kun la « Manifesto de la Sennaciistoj », kiu aperas franclingve sub titolo : *Manifeste des Antinationalistes*, kaj kies argumentaro, ankaŭ por aliideanoj, estas studinda.

G. S.

# Propaganda Servo de UEA

---

Germanlingva varbilo (faldfolio « Dem Weltverkehr eine Weltsprache ». — 100 ekz. 2.— Gmk. aŭ 2,50 Frk. sv. 1.000 ekz. 15 Gmk. aŭ 20 Frk.

**Dem Weltverkehr eine Weltsprache!**

Ĉeĥlingva varbilo. — 100 ekz. 15 Kĉ. 1000 ekz. 100 Kĉ.

**Jeden jazyk pro celý svět!**

Franclingva varbilo (faldfolio)

**pour se faire comprendre dans le monde entier**

100 ekz. 10 Fr. fr. aŭ 2 Frk. sv. 1000 ekz. 80 Fr. fr. aŭ 16 Frk. sv. La franca propagandila elvendiĝis, sed estos represata post nelonge.

Hungarlingva propagandilo :

***Világnyelvet a vilgáforgalomnak!***

100 ekz. 2 pengoj : 1000 ekz. 15 peng.

Portugala propagandilo :

**Pelo Português Pelo Esperanto**

100 ekz. 5.— Esk.— 1000 ekz. 40 Esk.

---

Oni mendas :

*En Germanujo:* Propaganda Servo de UEA, Postfach 10, Dresden N. 6.

*En Ĉeĥoslovakio:* Universala Esperanto-Asocio, Teritoria Oficejo, Hradec-Králové 628-a.

*En Portugal:* S-ro Jorge de Saldanha Carreira, ĉefdelegito de UEA, Ave. Duque de Loulé 50-III, Lisboa.

*En Hungarujo:* S-ro Paŭlo Balkanyi, ĉefdelegito de UEA, Budapest 507.


Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

N-ro 31

Administra jaro 1933 : Oktobro.

Bankkonto:

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poštĉeko:* Genève I. 2310.

*Statistiko.* — Je la fino de Sept. 1933 la Centra Kaso registris kotizojn : 304 Helpmembroj, 2451 Membroj, 3584 Membro-abonantoj kaj 508 Subtenantoj. Sume 6847 kotizoj. (1932 je sama epoko : 7914).

*Subtenantoj de UEA 1933.* — Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

498. S-ro Arthur Scholz, Zahn, Germanujo.
499. S-ro Georg Aschl, München.
500. S-ro Hans Jakob, Genève.
501. S-ro Eskil Hakansson, Ubriksdal, Sved.
502. S-ro Palle Hansen, Helsingör, Dan.
503. Nomo konatigota pli poste.
504. S-ro P. Schott, Rostig, Germanujo.
505. S-ro E. W. Willcocks, Woodford Green, Angl.
506. S-ro H. Kolbeins, Stadur, Islando.
507. S-ro E. Legrand, Montevideo.
508. S-ro Kho Jok Lang, Lawang, Javo.

*Jaro 1934.* — Ni informas la Delegitojn, ke eliras dum Oktobro 1933 Oficiala Bulteno kiu enhavos la unuajn informojn pri la nova agadjaro de UEA.

Pli poste sekvos aŭ Bulteno aŭ cirkulero, akompanata de ekzemplero de la nova statuto de UEA, privoĉ-donata.

*Novaj Delegitoj.* — La interkonsento en Kolonjo jam montris sian efikon. Alvenis jam bela aro da respondiloj de Delegitoj en novaj lokoj, precipe en Britujo. Estas antaŭvideble, ke la estonta Jarlibro konsiderinde superos la nunan laŭ la nombro de lokoj kun Delegitoj.

Pro manko de spaco, la listo de l'novaj lokoj kun Delegitoj aperos en la proksima Informilo.

---

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto: Dua Serio:*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 15.900.— |
| 54. S-ro J. S. Chi, Peiping, Ĉin. | | 300.— |
| 55. S-ro D-ro Rob. Fulda, Berlin | | 300.— |
| 56. S-ro Alfred Rehmann, Genève | | 300.— |
| | Frk. Svis. | 16.800.— |

D-ro Fulda, elokventa pledanto por la celoj de UEA skribis interalie:

« *Por doni videblan signon pri mia partopreno al la universala ĝojo pri la sukceso de via penado en Köln.* »

---

*Speciala numero.* — Kiel kutime eliras ankaŭ dum tiu ĉi jaro, la speciala numero de *Esperanto*. Ĝi estas sendata al ĉiuj anoj de UEA pagintaj por 1933, al ĉiuj nepagintoj (anoj dum 1932) kaj plie al membroj de kelkaj Naciaj Societoj.

Ĝi informas pri la stato de la Asocio, pri la situacio kreita per la *Interkonsento de Kolonjo*, klarigante la novan procedadon k.t.p.

Ĝi enhavas la kutiman liston de la premioj, tre riĉa kaj varia en tiu ĉi jaro. Plie estas informoj pri la 26-a kongreso en Stokholmo.

La prepar-laboroj de la nova organizo supozeble iom prokrastigas la dissendon por kelkaj landoj. Sed estas esperinde, ke ĝis meze de Novembro 1933, la plimulto de landoj estos ricevinta ĝin.

Genève, 15 Septembro 1933.

Hans JAKOB, *Direktoro de UEA.*

# XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto

## Stockholm - 4-11 Aŭg. 1934

---

*Adreso:* Fredsgatan 4, Stockholm.

*Oficiala invito:* Sveda Trafika Asocio kune kun Sveda Esperanto-Federacio.

*Poŝta ĉekkonto:* N-ro 50443, Stockholm.

*Bankkontoj:* Svenska Handelsbanken, Stockholm 16; Sunnsvalls Enskilda Bank, Fredsgatan 4, Stockholm.

*Kotizoj:* Ordinara kotizo estas 25.— svisaj frankoj.

*Frupagantoj* (ĝis 31 marto 1934) pagos nur 20:— svis. fr.

*Malfrupagantoj* (post 1 julio 1934) pagos 30:— svis. fr.

*Junuloj* (malpli ol 16-jaraj) 5:— svis. fr.

*Blinduloj senpage.*

*Kongresejo:* Laborkunsidoj kaj fakaj kunvenoj okazas en la sveda parlamenta domo, la solenaĵoj en la koncerta domo, la balo en la urbodomo de Stockholm.

*Donacoj* por la kongresa kaso ni danke akceptas.

*Blindula kaso:* Por partopreno de blinduloj ni danke akceptas mondonacojn.

*Manĝo:* En Stockholm ekzistas tre multaj popularaj, bonaj restoracioj, kie oni povas ricevi tagmanĝon por 1:— sved. kr. En luksaj restoracioj tagmanĝo por 2:50 — 3:50 kr.

*Loĝejoj:*
A : luksaj hoteloj — Sved. kr. 10—20.
B : komfortaj hoteloj — kr. 7—10.
C : simplaj hoteloj — kr. 5—7.
D : modestaj hoteloj — kr. 4—5.
E : komunaj loĝejoj por 6 ĝis 20 personoj — kr. 1,25—2.

*Fervoja rabato en Svedlando:*

Por la vojaĝo al la kongreso estas jam interkonsentite pri 25 % rabato, sed L.K.K. esperas pligrandigi la rabaton.

*Favoraĵoj:* Ĉiu kongresano ricevos senpage la belan svedan Esperanto-Gazeton ekde la aliĝo. Do, ju pli frue vi aliĝas, des pli multe vi gajnas !

*Kongresaranĝoj:* Teatraĵo, koncerto, balo, ekskursoj ktp., laŭ programo kiu postsekvos.

*Fakaj kunvenoj:* Pri anoncigo de fakaj kunvenoj kiel eble plej baldaŭ ni petas.

*Oni vivas malmultekoste* en Stockholm nuntempe. Speciale favore estas por eksterlandanoj, kaŭze de la momenta valutofalo de la sveda krono. Ekz. 1 sved. kr. = 1 angla ŝil.; 0:24 dol.; 0:70 germ. m.; 0:85 svis. fr.; 0:40 ned. flor.

*Aliĝu* do tuj por profiti el la valutodiferencoj !

*LOKA KONGRESA KOMITATO.*

---

# Internacia Hejmo Esperantista

## Aspremont - A.M.

Donacoj ricevitaj por fruktarboj por 10 francaj frankoj :

S-roj R. Leclérc; N. Schwartz (ambaŭ en Parizo); L.A. Vannini, Monaco; E. Deligny, Saint-Omer; H. Rozmarynowski, Varsovio; Actonano; A. Boyer, Cannes; F-inoj Elena Bianco, Eŭgenia Bianco (Genovo); Y. Bürger, Berlin; M. Root (por Baha movado); D.E. Gasper, Chesterfield; Ges-roj Beeken, Nice; Amiko en München; S-ino C.F. Staes, Bruxelles; Esperanto-Centro Itala, Milano.

Po 30 francaj frankoj — S-ro M. Inouye (Tokio).

Po 26 francaj frankoj — F-ino A. Snœck, Balikpapan, Borneo.

Po 5 francaj frankoj — F-ino D. Lendel, Postsdam.

Por ĝenerala kaso. S-roj G. Bevan, Wrexham, 35 fr.; D.M. Pot, La Hago, 20 fr.; Actonano, 40 fr.; Kyftenbelt, Nice, 40 fr.; S-ino J. Dartois, Caluire, 2.50 fr.

Objektoj ĝeneralaj. Nomplatoj por arboj, S-ro H. Halldor, Stockholm; Utilaj iloj por kuirejo, F-ino S. Moscicki, Berlino; Tapiŝo, Marmortablo, malnovaj pordoj, Ges-roj J. Lhuillier, Nice; Cindrujoj cigaredaj, Itala Esperanto-Centro, Milano; Japanaj bildoj, S-ro S. Kawada, Japanujo; Ventumilo japana, fotografaĵoj kaj bildoj japanaj, S-ro M. Inouye, Tokio; Poto da mustardo, S-ino F. Staes, Bruxelles; 6 bildoj de D-ro L.L. Zamenhof, UEA.

Libroj por la Biblioteko. N.V. Centra Esperanto-Boekhandel, Den Haag — 90 libroj kaj 10 poŝtkartoj; S-roj Teo Jung, Kolonjo; Belisma Ko-opero, Japanujo; S-roj André Schild, Basel; M. Inouye, Tokio; U.E.A. Ĝenevo; Itala Esperanto-Centro, Milano; E.E. Yelland, Aspremont; Board of Tourist Industry, Japanese Government Railways, Tokio; I.C.K. Ĝenevo.

E.E. Yelland.

# Informoj de la AKADEMIO KAJ LINGVA KOMITATO

De post la morto de la bedaŭrata Prof. Cart, Prez. de la Akademio *(21 Majo 1931)* sin sekvis, rilate al niaj Lingvaj Institucioj, la jenaj okazintajoj :

*4. Aŭg. 1931*. — Elekto de S-ro J.M. Warden, kiel Prezidanto de la Akademio, per 10 voĉoj el 14.

*Julio 1932*. — Okazis balotoj : 1) Por anstataŭigo de 3 Akademianoj (Cart, mortinta, D-ro Dietterle, vicprezidanto, kaj Millidge, ambaŭ eksiĝintaj) ; 2) Reelekto de la L.K.-anoj, kies 9-jara periodo finiĝis kaj sin reprezentantaj ; 3) Elekto de novaj membroj.

| | |
|---|---|
| Tiama nombro de restantaj L.K.-anoj | 122 |
| Voĉdonintoj | 101 |
| Absoluta plimulto | 51 |

*Elektitaj Akademianoj:* S-roj Aymonier (77 voĉojn) kaj Butler (58).

Ricevis siaflanke : S-ro Drezen (48 v.), Waringhien (47), Paul Bennemann (34), Oscar Bünemann (19).

*Reelektitaj aŭ elektitaj L.-K.-anoj:* (steleto montras novan membron).

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S-oj | Aymonier | 96 | | * Domingues | 85 |
| | Rollet de l'Isle | 95 | | * Cseh (Ĉe) | 84 |
| | Won Kenn | 93 | | Chavet | 82 |
| | D-ro L. Zamenhof | 92 | F-ino | * Jane Baird | 82 |
| | * Sevak | 92 | S-oj | * Bugge-Faulsen | 82 |
| | * Ĵirkov | 90 | | * Bonnevie | 81 |
| | * Orengo | 90 | | * Wadham | 81 |
| | * Oscar van Schoor | 90 | | * Couteaux | 80 |
| | * Jansson | 89 | | * Porto Carreiro N. | 76 |
| | * Miĥalski | 87 | | * Ernest Archdeacon | 75 |
| | Blicher | 85 | | | |

Dum la Kongresa Kunsido en Parizo *(1. Aŭg. 1932)* oni sciiĝis pri la decidoj :

1) de S-ro Warden, rezigni prezidantecon kaj ĉiujn postenojn en la L.K. kaj Akademio pro grave malbona sanstato ; (li estis bedaŭrinde mortonta post kelkaj monatoj *(Marto 1933)*.

2) de S-ro Butler, malakcepti Akademianan postenon.

Tial fariĝis denove necesa balotado por elekto de 3 Akademianoj. Jen ĝia rezultato *(Majo 1933)* :

| | |
|---|---|
| Nuna nombro de L.K.-anoj | 134 |
| Ricevitaj voĉdoniloj | 103 |
| Ne montranta opinion | 1 |
| Valorantaj voĉdonoj | 102 |
| Absoluta plimulto | 52 |

*Elektitaj Akademianoj:* S-roj Rollet de l'Isle (68 voĉoin) kaj Paul Bennemann (55 v.).

Ricevis siaflanke : S-roj Kalocsay (49 v.), Cseh (47), Bastien (40), Waringhien (33), Döhler (10). Restos *provizore vakanta* la posteno de S-ro Warden.

Tuj poste *(Junio 1933)* okazis konsulto de la 17 Akademianoj por kandidatecoj al la oficoj de Prezidanto kaj de du Vicprezidantoj, el kiu rezultis, ke estis montritaj de la plimulto kiel kandidatoj : al prezidanteco, S-ro Rollet de l'Isle (7 voĉ.) ; al vicprezidantecoj, S-roj Migliorini (10 voĉ.) kaj Nylén (9 voĉ.).

Definitive, per posta akcepto, estis elektitaj : Prezidanto de la Akademio, S-ro Rollet de l'Isle (13 voĉ.) ; Vicprezidantoj, S-roj Migliorini kaj Nylén (14 voĉ.). 1 ne aprovis. 2 sin detenis.

S-ro Rollet de l'Isle enoficiĝis la 1 Julio 1933.

Aldonote estas, ke stariĝis kaj publikiĝis la kutima *Jarlibro de la L.K. kaj de ĝia Akademio* por la periodo 1932-1933. Ĝi estas aĉetebla ĉe « Esperantista Centra Librejo » (11, rue de Sèvres, Paris, 6e).

# Stenografio

Dum 1933 estas la centa datreveno de la naskiĝo de l'fama aŭtoro kaj genia propagandisto de la rapida skribo : Emile Duployé. Pro tiu cirkonstanco, la adeptoj de lia sistemo — kiu estas uzata en diversaj parlamentejoj : Belgujo, Francujo, Luksemburgo, Rumanujo, Svisujo, ktp. — festas lin laŭ plej diversaj manieroj.

La Esperantistoj-Duployé ' anoj decidis honori sian Majstron fondante universalan asocion sub la nomo : *Stenografa Instituto Tutmonda*, kies celo estas disvastigi la rapidan skribon en la Esperantistaro, kaj la internacian lingvon (oficiala lingvo de tiu Instituto) en la Stenografistaro.

Tiu nova Instituto jam havas reprezentantojn en 18 landoj.

Por ricevi sciigojn, oni sin turnu al la socia sidejo : 9, Boul. Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine, Francujo.

Eĉ antaŭ ĝia definitiva starigo, kelkaj el ĝiaj membroj tuj aranĝis pli malpli gravan propagandon en sia regiono. Inter aliaj ni citu la jenan organizon. Kompreneble ĉiuj interesatoj povas sin turni al la ĉi subaj adresoj :

Perkoresponda kurso de Esperanto por Stenografistoj : S-ro René Llech-Walter, 11, cours Lazare-Escarguel, Perpignan, Pyrénées-Orientales, Francujo.

Perkoresponda kurso de Stenografio por Esperantistoj : S-ro Maurice Lapéras, 18, rue Montmailler, Limoges, Haute-Vienne.

Perkoresponda kurso por plilertiĝo en uzo de stenografio : S-ro A. G. Provost, 27, rue Chanzy, Paris, Francujo.

Ĉiuj tiuj kursoj estas senpagaj. Nur oni sendu la afrankon por la respondo, ĉu per afrankita koverto, por Francujo ; ĉu, por aliaj landoj, per respondkupono.

# Itala E-Kongreso

De la 10-a ĝis la 14-a de Aŭgusto okazis sukcese la 18-a Kongreso de la Italaj Esperantistoj.

Post ekskurso de la kongresanaro al militista tombejo en Redipuglia (10-an Aŭg.), komenciĝis la kunsidoj de la kongreso per la solena Malferma Kunsido, en Trieste, la 11-a de Aŭg., okazinta en salonego de l'Palaco de la Provinca Konsilantaro de l'Ekonomio. La Urbestro Senatoro Pitacco, dum ĉi tiu ceremonio, eldiris en bela parolado sian favoremecon al la helpa lingvo. Parolis poste la Vicprezidanto de Itala Esperanto Federacio, D-ro Prof-ro G. Canuto, la Sekretario de la loka komitato S-ro Majoro Solimena, alportante salutojn de multaj italaj kaj eksterlandaj esp. grupoj. F-ino D-ro P. Muszkatblat el Varsovio salutis la kongreson je nomo de la polaj esperantistoj. En la du sekvantaj tagoj okazis ekskursoj al la grandaj grotoj de Postumia (plej grandaj grotoj de Eŭropo) kaj (per ŝipo) al la antikva tre arta urbo Parenzo en la duoninsulo Istria.

Dum la ekskursoj kaj en la tago de la ferma kunsido (14-an Aŭg.) okazis kunsidoj de la Itala Esperanto Federacio. Dum ili la Vicprezidanto D-ro Prof. G. Canuto raportis pri la progresoj de Esperanto en Italujo. Li laŭdis la grandan laboron faritan de la Esperanto Centro Itala (oficejo en Milano) kiu estas nun la komuna sidejo de la ĉefaj italaj esp. organizoj), precipe pere de la oficestro, Ing-ro D-ro R. Orengo kaj de la sekretarino F-ino P. Mellina. En la lastaj jaroj la Centro tre sukcese organizis karavanojn de esperantistoj en Italujo kaj eksterlanden.

La Vicprezidanto de I.E.F. ankaŭ raportis pri la itala grandformata ilustrita gazeto « L'Esperanto » (redakcio en Torino) kiu enhavas de lasta jaro ampleksan literaturan esperantan parton kun gravaj tradukoj el la itala literaturo. La Redakcia Direktoro S-ro N. La Colla montris sin tre taŭga, ĉu por la lingvistika, ĉu por la teknika parto de la gazeto.

Prof. Canuto rememoris ke enĝi tiu jaro Esperanto estis enkondukita kiel libervola fako en sufiĉe multaj ŝtataj lernejoj. Cirkulero favora al la internacia helpa lingvo estis sendata, komence de l'nuna jaro de la Registara Lerneja Reprezentanto por Veneciaj Provincoj. En sia raporto D-ro Canuto ankaŭ rememoris la kunvenon okazintan en Milano en ĉi tiu jaro de la Italaj Faŝistaj Institutoj de Kulturo en kiu la Prezidanto de la F-ta Instituto de Oderzo parolis favore al la enkonduko de Esperanto, jam instruata de la Faŝista Instituto de Kulturo de Brescia.

La organizo por la instruado de Esperanto en Italujo : la « Itala Instituto de Esperanto » ankaŭ havis siajn kunsidojn dum la kongreso. Partoprenis la koncernajn diskutojn Prof. D-ro G. Canuto. Prof. B. Migliorini membroj de la estraro de la Instituto, Prof. Facchi kaj aliaj. Oni laŭdis la Prezidanton Prof. Corrado Grazzini, kiu de multaj jaroj ĉiam tre lerte kaj malgraŭ malfacilaj epokoj estris ĉi tiun esperantistan organizajon. La Prezidanto proponis kaj oni akceptis kiel novan Prezidanton Prof. Pastron Mons. Enrico Violi, Sekretario de la Katolika Universitato de Milano, kiu de multaj jaroj estas fervora propagandisto kaj tre lerta instruanto ĉe profesiaj rondoj.

Dum la lasta kunsido de la kongreso raportis pri sia agado la Delegito por Eksterlando de Itala Esperanto Movado Prof. Gaetano Facchi, kiu de ĉi tiu kongreso estos Delegito por Eksterlando de Itala Esp. Federacio. Li informis pri Bulteno de « Itala Esp. Kroniko » kiun li verkas kaj kiu estas sendata de Esp. Centro al multaj esp. eksterlandaj gazetoj kaj organizajoj. Li informis ankaŭ pri longa de li verkita artikolo je Historio de Esperanto en Italujo kiu estos eldonota en la Esperanto-Enciklopedio de Budapest (eldonajo de « Literatura Mondo »). Tre sukcesa estis, tuj post la Kongreso de Italaj Esperantistoj, la esp. karavano (kun italaj kaj eksterlandaj partoprenintoj) al la urboj Venecio, Romo, kaj Napoli, organizita de la Esp. Centro Itala en kunagado kun la Esp. grupoj de la koncernaj urboj.

# XXII-a Belga Kongreso de Esperanto

La ĉiujara belga kongreso okazis en Bruselo dum la Pentekostaj tagoj kaj akiris grandan sukceson.

Sabaton vespere okazis ĝenerala laborkunsido dum kiu oni ekzamenis la diversajn propagandajn rimedojn por la estonta agado. Inter aliaj oni proponis malfermi esperantajn kursojn por la senlaboruloj, kun la helpo de la kompetentaj administracioj.

Dimanĉon matene la kongresanoj ĉeestis, en Instituto Sankta Ludoviko, katolikan diservon dum kiu lia Abata Moŝto De Cort faris tre interesan predikon en nia lingvo. De tie oni iris sekvantare al la tombo de la « Nekonata Soldato », kie S-ro Schoofs, Prezidanto de B.L.E. deponis belan garbon da floroj. Poste la kongresanoj direktiĝis al la Urbdomo kie ili estis oficiale kaj tre kore akceptataj de la Ŝkabeno S-ro. Wauwermans.

Ĝenerala kunveno okazis tuj poste sub la prezidanteco de S-ro. Schoofs. La raporto pri la agado dum 1932 montras, ke malgraŭ la krizo Esperanto ĉiam progresas ; du novaj grupoj fondiĝis en Quiévrain kaj Schellebelle. Plej kuraĝiga estas la rezultato akirita de « Belga Esperanto-Instituto », Koopera Societo, kiu daŭre eldonas librojn kaj ĉiuspecajn esperantajojn. Ĝia financa situacio estas plej kontentiga : la subskribita kapitalo atingas Fr. 157.500 el kiuj Fr. 105.000 estas pagitaj. Jen rezultato post kiu oni povas fiere aserti, ke la movado en Belgujo ne plu estas detruebla !

La financa flanko de « Belga Ligo » kvankam kontentiga rilate la jaron 1931, ne sufiĉas por entrepreni grandskalan propagandon. La Liga Komitato penos trovi aliajn monrimedojn.

S-ro. Schoofs, Ĉefdelegito de U.E.A. donis kelkajn klarigojn pri la situacio de la Asocio en Belgujo. La membronombro estas neŝanĝita kaj restas ĉirkaŭ 300 membroj.

Nun venis la plej grava punkto de la tagordo : la reorganizo de la Esperanto-Movado ! S-ro. Schoofs detale konigas la « Planon de Genève » kaj rekomendas ĝian akcepton. Post diskuto de kelkaj detaloj la kunveno unuanime kaj entuziasme akceptas la novan planon kaj aplaŭdege dankas S-ron. Schoofs unu el la ĉefaj verkintoj en Genève de la reunueciĝo de la movado !

Poste, F-ino. Thooris, Prezidantino de la « Bruĝa Grupo », faris tre interesan paroladon pri « bonhumoro », kiu havis grandan sukceson.

Post kelkaj « diversaĵoj » la Ĝenerala Kunveno finiĝis en plej entuziasma atmosfero !

Sur la Granda Placo okazis la fotografado kiu tre bone sukcesis. La kliŝoj aperis en multaj jurnaloj kaj tio iĝis tre taŭga propagando por Esperanto.

La festeno tuj sekvis kaj kiel kutime estis tre agrabla !

La membroj de U.E.A. kunvenis post la festeno por ekzameni la rimedojn uzeblajn por ĉiam pli grandigi la membraron kaj plibonigi la situacion de la Asocio.

Vespere okazis bela arta kaj drama festo kun balo kiu finiĝis tre malfrue !

Lundon okazis tuttaga ekskurso en la belega arbaro kiu ĉirkaŭas Bruselon. La partoprenantoj ĝuis plej agrablan promenadon kaj vespere disiĝis ege kontentaj pri la du tagoj pasitaj en Esperantujo.

La Bruselaj amikoj meritas korajn dankojn kaj gratulojn por la granda sukceso de la kongreso !

## Ŝtata prezidanto protektas la Konferencon 1934

Oesterreichische
Präsidentschaftskanzlei. Wien, 8. de Aŭgusto 1933.
7681-Pr. K.

Al la prezidantaro de « Internacia Konferenco Wien-Budapest 1934.

Rilatante al la skribaĵo, direktita la 27 de julio 1933 al sinjoro la Federacia Prezidanto, la kancelario de la Federacia Prezidanto sciigas vin, ke sinjoro la Federacia Prezidanto estas preta, transpreni la protektoraton pri « Internacia Esperanto-Konferenco » en majo 1934. Pri tio ni informas vin kun la aldono, ke la transpreno de la protektorato nur okazos sub la supozo, ke vi prezentis ĉi tiun funkcion sole al la sinjoro Federacia Prezidanto. Ĉar laŭ internacia kutimo la regnestro ne povas dividi la protektoraton kun iu alia, escepte kun alilanda regnestro. Memkompreneble ne ekzistas malhelpo, ke aliaj altrangaj personoj estu petataj en Honorprezidantaron, Honorkomitaton ktp. Klastersky, m.p.

*Instruado.* — Germana instruisto 33 jara, senoficigiita pro liberpenso, kun ekzamenoj en angla, franca lingvoj, parolante krome hispanan kaj Esperanton, komprenante itale, holande kaj latine, instruante pianon, violonon, orgenon, dum 15 monatoj direktoro de duagrada lernejo germana en Hispanujo, konante 13 eŭropajn ŝtatojn- *serĉas* — ian okupon en eksterlando, prefere kiel privatinstruisto, vojaĝakompananto aŭ oficisto en vojaĝoficejo aŭ ion similan. Trionon de la unua monata salajro kiel rekompenson al. peranto. E. Finkler, Adalberststrasse 7. *Herne i.* W. (Germanujo).

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1933

*** *Kongresa Jubilea Libro, 25 Universala Kongreso de Esperanto, Köln* 1933. Eldonis Loka Kongresa Komitato, Köln. Presis la presejo de Heroldo de Esperanto, Köln. (Duoble ricevita.) 77 paĝoj. 14 × 22 cm. Prezo : fr. sv. 1.—. (1933-39).

Julio Baghy : *Verdaj Donkiĥotoj.* Eldonis Aleksandro Szalay, Budapest. (Duoble ricevita). 222 paĝoj. 12 × 16 ½ cm. (1933-40).

Ladislav Vladyka : *Mi en li.* Tradukis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj, Olomouc. (Duoble ricevita). 192 paĝoj. 14 × 19 cm. (1933-41).

Ivan Cankar : *Servulrajto.* Tradukis kaj prilaboris en versoj D-ro J. Stefančič. Eldonis « La Suda Stelo », Slav. Brod, Jugoslavio. (Duoble ricevita). 68 paĝoj. 12 × 20 cm. Prezo : ĝis 30.X.33. fr. sv. 1.50, poste fr. sv. 2.—. (1933-42).

*** *Esperanto Laerebog.* Eldonis Dana Esperanto Librejo, Aabyhoj. (Unuoble ricevita). Dua eldono. Prilaboris Af L. Friis. 112 paĝoj. 14 × 22 cm. (1933-43).

*** *Alplenigo al la prospekto Mnemonika Instituto de profesoro D. Fajnŝtejn, Vilno, Pollando.* (senpage ric.)

Ĉan-Hjokcu : *Forpelataj Homoj.* Tradukita Takagi-H. Eldonis Fronto-Ŝa, Tokio. (Unuoble ricevita). 39 paĝoj. 13 × 19 cm. Prezo 75 sv. cent. (1933-45).

*** *Kantas la Hungara Skolto.* Kompilis Esperanto-Studrondo de Hungara Skolta Asocio. Presis Esp-presejo Sandor Szalay, Budapest. (Duoble ricevita). 40 paĝoj. 12 × 1,5, cm. Prezo P. —0.50. (1933-46).

Hillar Sakaria : *Esperanto Liikumisest Eestis* (La Esperanta movado en Estonio). Represo el la gazeto « Olion », Tartu. (Unuoble ricevita). 8 paĝoj. 16,5 × 24 cm. prezo 1 respondkupono. (1933-47).

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino Maria Milsom, 82 jara en Bossey (Francujo, H-te Savoie) apud Genève, 14. Aŭg. 1933. S-ino Milsom, fervora samideanino el la pionira epoko de Esperanto, speciale interesiĝis pri la disvastigo de Esperanto en katolikaj rondoj. Verkistino kun granda talento ŝi kunlaboris antaŭ la milito ĉe aro da esp. periodajoj kaj tradukis interalie la faman romanon de Kardinalo Wiseman « *Fabiola* » unuafoje aperinta ĉe la Esperantia Librejo (Librejo de UEA ĝis 1914), Aliaj ŝiaj tradukoj estis : « *Eĉ en doloro ni estu ĝojaj* ». « *En Svislando* », libroj kiuj havis multan sukceson. En Ĝenevo S-ino Milsom aktive kunhelpis kaj mone subtenis la movadon. La laboron de UEA ŝi sekvis kun granda intereso kaj fariĝis Dumviva Membro jam ĉe la komenco.

S-ino Frantiska Ŝupichova, en Ĉerv. Kostelec, ĈSR, patrino de F-ino Julie Ŝupichova, Honora membro de UEA, 8. Aŭg. 1933, 70 jara.

S-ro H. B. Veevers, Ano de UEA n-ro 10 634 en Colne Britujo, 21.5.33.

F-ino C. Simons, Ano de UEA n-ro 37 993 en Amsterdam, 23.7.33.

S-ro Giusseppe Bossi, frato de samideano Paolo Bossi, en Parabiago (Milano).

S-ro R. P. de Queljoe, Ano de UEA 39 961 en Saparoea, Nederl. Indio, Aŭgusto. 1933.

S-ro Ernst Frid, MA de UEA, n-ro 15 174 en Stovriks, Sved., 7. Aŭg. 1933.

*Sinceran kunsenton !*

## Teologia vortaro

Mi kore petas la estimindajn kunfratojn kaj la samideanojn kun teologia-filologia studado, sendi al mi siajn adresojn por inviti ilin al fondo de Katolika Societo kun celo starigi vortaron teologian en Esperanto. P. Pelegrinus Hoffmann, O.S.B., Abtei Schweiklberg bei Vilshofen an der Donau (Germanujo, Bayern).

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

(Pro abundo de materialo, aro de anoncetoj aperos en venonta numero).

*Barreiro* (Portugal). — Joao Manuel dos Santos, 17 jara studento. Strato José Relvas 72 k.ĉ.l., ĉ.r.

*Barreiro* (Portugal). — Inacio Mendes Tereso, 15 jara studento. Pateo Albers N° 18. k.ĉ.l., ĉ.r.

*Bitolj* (Jugoslavio). — S-ro Milivoje Pavloviĉ, Aristida Briana 20. Jarfeston de edziĝo kaj trijarecon de esperantistiĝo mi festos 13 Nov. 1933. Ĉiu ricevos respondon kiu skribos tiu okaze per PI.

*Cormatin* (Saône-et-Loire, Francujo). — F-ino Simone Malicier, deziras korespondi kun tutmondaj gesamideanoj.

*Elmira, N.Y* (U.S.A.). — S-ro Anthony Billard, 333 E. Water St. petas ke malnovaj (kaj ankaŭ novaj) gekorespondantoj reskribu pro perdo de kelkaj adresoj. L, PI, kĉl.

*La Jaluse* par le Locle (Svislando). — S-ro P. Humberset, PM. laŭ katalogo Yvert 1933 aŭ 1934 kun eŭropaj seriozaj filatelistoj.

*Moe* (Aŭstralio, Victoria). — S-ro Max C. Schmidt, deziras rilati kun seriozaj korespondantoj en Japanujo Ĉinujo, Markolaj Kolonioj, Siamo, Malto, Malaja ŝtataro, Indoĉinio, Javo; Cejlono kaj Hindujo, por interŝanĝi PM. kaj aliajn interesajn objektojn.

*Nanterre* (Seine, Francujo). — S-ro René Mathyn, 71, rue St-Germain, L., P.K., P.I. k.ĉ.l. C.r.

*Sennecey-le-Grand* (Saône-et-Loire, Francujo). — F-ino Raymonde Soly, Scierie Dalphin, deziras korespondi pri literaturo kaj aliaj temoj.

*Schweiklberg* (Germanujo). — Por kunfrato, redaktoro de katolika eklezia periodaĵo, mi ĝentile petas alsendi (Eŭropo kaj Transmaro) aktualajn raportojn ĝis 40 linioj por la fako « Eklezia Estanteco ». Ĉi tiujn honoroficajn raportojn oni povas sendi ankaŭ en nacia lingvo. Kun kora danko afable salutante : Benediktana Misiisto P. Pelegrinus Hoffmann, O.S.B. Abtei Schweiklberg bei Vilshofen a.d. Donau, Germanujo.

*Stari Beĉej* (Jugoslavio). — S-ro Johano Tonigold, 34 jara, vidvo PI., L., kun samaĝaj fraŭlinoj aŭ vidvinoj ĉ.l. Nepre respondos.

*Stari Beĉej* (Jugoslavio). — S-ro Miloŝ Tepavac, 21 jara fraŭlo PI., L., kun fraŭlinoj. Respondas almenaŭ unufoje.

*Vaasa* (Finnlando). — S-ro S. Mautamäki, Rantakatu 26, Nur PM., k.ĉ.l. escepte Germanujo. Ne sendas unue.

*Valencia* (Hispanujo). — S-ro J. Gascón, Tundidores 4, PI., k.ĉ.l.



IMPRIMERIE ALBERT GRANCHAMP, ANNEMASSE - 600-10-33